# Heleco

Presorgano de Astura Esperanto Asocio

Órgano de Asociación Asturiana de Esperanto

**Adreso de A.E.A.**
**C/Begoña, 25**
**33206 - GIJÓN**
**Telef. 985 34 19 18**

**ASTURA ESPERANTO ASOCIO** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigo de la Internacia Lingvo unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ laŭeble en la Asturia regiono.
Nia agado disvolviĝas kadre de la:

**La ASOCIACIÓN ASTURINA DE ESPERANTO** es un grupo esperantista que realiza su labor por la difusión de la Lengua Internacional en primer lugar en nuestra ciudad, Gijón, y también, en la medida de lo posible, en la región asturiana.
Desarrollamos nuestra actividad en el marco de la:

## Cátedra «**Jovellanos**» de Extensión Universitaria

## Enhavo / Contenido



La enhavo de la tekstoj de ĉi tiu revuo ne esprimas la oficialan opinion de **Astura Esperanto Asocio**; pri ili respondecas la verkintoj mem.

El contenido de los textos de esta revista no expresa la opinión oficial de la **Asociación Asturiana de Esperanto**; de ellos responden sus autores.

Leĝa Registro, n-ro 0/319/85

Depósito Legal, número 0/319/85

## Prezentiĝo

# Heleco

## Presentanción

Ni prezentas la 76 numeron de nia revuo **Heleco**. Ĉi-foje nia eldonado okazas sufiĉe frue rilate al la antaŭa numero, unu kompare kun la sep de la antaŭa malfuro en la publikigo. Ĉi tiu jara eldono eblis dank al tio ke ĉi-foje, finfine, ni sukcesis atingi subvencion de la Urba Konsilejo pri Kultura. Nia deziro estis prezenti al nia legantaro pli kvalitan revuon, sed ni devas alĝustiĝi al la ricevita subvencio, kiu, ĉiukaze, estas bone ricevita kaj kun danko al la urba institucio menciita.

Kiel kutime, la temaro de nia publikigo pritemas la Esperanton kaj ties disvastigadon. Oni dediĉas, do, specialan atenton al la aktivado de la esperantista movado, kongresoj, k.t.p. kaj al la agado de nia Astura Esperanto Asocio. Sed ni ne limiĝas al tio. Niaj paĝoj estas malfermataj al ĉiu ajn temo kiu iel interesas al la socio, al kiu estas adresata la revuo. Male ol aliaj esperantistas publikigaĵoj kiuj alĝustiĝas al la normo (cetere tre respektinda) eviti la ideologiajn temojn: politiko, religio, k.s., ni intencas montri al la publiko ke la Internacia Lingvo ESPERANTO utilas ankaŭ por pritemi tiujn aferojn kaj ĝenerale ĉiujn, kiuj estus interesaj por la socio. Kompreneble, tio ĉi signifas ke la publikigantoj de la revuo ne subskribas la opiniojn esprimitaj per la publikigitaj artikoloj, pri kiuj respondecas nur la koncernaj aŭtoroj.

Tiu deziro atingi la socion estis kio igis nin publikigi la revuon dulingve, en la hispana lingvo krom en Esperanto, kion ni faradis en la lastaj numeroj, ŝanĝinte nian antaŭan kutimon aldirektiĝi nur al la esperantisma mondo. Ĉi tio metis antaŭ ni decidi pri la afero de la elektado de la publiko al kiu ni destinu la publikigon. Ni daŭre sendadas la revuon al la grupoj kaj la personoj -nialandaj kaj fremdaj- esperantistaj kun kiuj ni interrilatas, sed ekster la esperantista tereno ni prefere adresiĝas al tiuj medioj kiel lernejoj, gimnazioj, kulturaj asocioj, bibliotekoj, ankaŭ al la informmedioj, kie povas esti kaj estiĝi ia sensiveco pri la lingva problemo de la mondo. Nia socio malatentas pri tiu problemon, kaj eĉ ne konscias sufiĉe pri ĝia ekzistado, sed la problemo ekzistas kaj ĝi pli kaj pli fariĝas grava kaj perceptebla en tiu ĉi mondo en kiu pliintensiĝas ĉiutipaj interrilatoj inter la popoloj kaj perfektiĝas kaj potenciiĝas la komunikad-rimedoj.

Dum la teknikaj komunikad-rimedoj altgrade perfektiĝadas, daŭre oni ne dediĉas sufiĉan atenton al la ĉefa ilo de interkomunikado: la komuna lingvo. Serĉante justan solvon al tiu problemo, kiu ne konsistu el kulturaj kaj nacia hegemonioj, ni atentigas la socion pri la solvo kiun signifas Esperanto.

Presentamos el número 76 de nuestra revista **Heleco**. Esta vez sacamos nuestra eldición en un plazo razonable con respecto al número anterior, un año frente a los siete que habían pasado entre los dos números anteriores. Esta edición anual fue posible gracias a que esta vez, por fin, conseguimos una subvención de la Concejalía Municipal de Cultura. Hubiésemos deseado poder ofrecer una revista de más calidad pero hemos de ajustarnos a la subvención recibida, que, en todo caso, bienvenido sea y vaya nuestro agradecimiento al organismo municipal mencionado.

Como de costumbre, la temática de nuestra publicación se refiere al Esperanto y su difusión. Se dedica, por tanto una atención especial a las actividades del movimiento esperantista, congresos, etc. y a las actividades de nuestra Asociación Asturiana de Esperanto. Pero no nos limitamos a eso. Nuestras páginas están abiertas a cualquier tema que tenga algún tipo de interés para la sociedad, a la que va dirigida la revista. Al contrario que otras publicaciones de Esperanto que se atienen a la norma (por lo demás muy respetable) de evitar los temas ideológicos: política, religión, etc., nosotros intentamos mostrar al público que la Lengua Internacional ESPERANTO sirve también para tratar esos temas y en general todos los que sean de interés para la sociedad. Por supuesto, esto implica que la revista no se adhiere a las opiniones expresadas por los artículos publicados, los cuales son de la total responsabilidad del autor correspondiente.

Ese deseo de llegar a la sociedad fue lo que nos movió a hacer bilingüe a nuestra revista, en español además de en Esperanto, lo que venimos haciendo desde hace varios números, rompiendo con nuestra modalidad anterior de limitarnos al ámbito esperantista. Esto nos planteó la cuestión de seleccionar el público al que destinábamos la publicación. Seguimos enviando la revista a los grupos y personas esperantistas -nacionales y extrajeros- con los que mantenemos relación, pero fuera del ámbito esperantista nos volcamos en aquellos sectores como colegios, institutos, asociaciones culturales, bibliotecas, también a los medios de difusión, donde pueda hallarse y producirse una cierta sensibilización hacia el problema lingüístico del mundo. En gran medida nuestra sociedad vive bastante de espalda a ese problema, es decir, no es consciente de su existencia, pero el problema está ahí y tiende a ser cada vez más grave y perceptible en un mundo en el que se van intensificando todo tipo de relaciones entre los pueblos y se potencian los medios de comunicación.

Mientras los medios técnicos de comunicación se perfeccionan en gran medida, sigue sin prestarse la debida atención al principal instrumento de comunicación: la lengua común. Buscando una solución justa, que no pase por hegemonías culturales y nacionales, llamamos la atención de la sociedad sobre la solución que representa el Esperanto.

# TAMEN

## Malgranda Fragmento de la Pola Esperanto Movado

*verkis: Teodor Konopka*

Kiel multaj organizaĵoj, ankaŭ Pola Esperanto-Asocio havis sian junularan sekcion - Pola Esperanto-Junularo (PEJ). Ĉu PEJ ekzistas nun - mi ne scias - ekde multaj jaroj mi ĉesis la partoprenon en la Esperanto-movado. Tio ne signifas tamen, ke mi forgesis la lingvon kaj ne kontaktiĝas kun eksterlandaj esperantistoj.

Kiel ĉiu organizaĵo, ankaŭ PEJ deziris havi sian presorganon. Tia ebleco ekestis en la jaro 1959 en Torun, kie agis grupo de studentoj entuziasmaj. Sub la redaktado de Marek Pietrzak (jam delonge ne vivanta) oni komencis eldonadi gazeton "Tamen", organon de PEJ kaj de Asocio de Polaj Studentoj. "Tamen" aperadis neregule; ĝis la jaro 1963 en Torun oni eldonis 18 numerojn.

En la jaro 1963 la centro de la esperantista junulara movado translokiĝis al Vroclavo (Wroclaw), kaj ĉi - tieaj agantoj decidis daŭrigi la eldonadon de "Tamen". Fondiĝis la Redakcia Komitato kun partopreno de Wladyslaw Misiak (respondeca redaktoro), Teodor Konopka (redakcia sekretario), Teresa Pleŝnar, Edward Wojtakowski, Janusz Zych, Edward Folcik. Por la kunlaboro oni akiris kelkajn aliajn personojn, kiuj iagrade helpis redakti la vroclavajn numerojn de la revuo. La vroclava redakcio ankaŭ estis grupo da entuziasmuloj, sen ia ajn prepariĝo por eldonado de revuo. Havante tamen modelojn, havante propran vizion kiel nova "Tamen" aspektu, oni pasis al la laboro. Kolektado kaj skribado de artikoloj (iujn oni devis esperantigi). Kolektado de la fotoj, ornamaĵoj, apartaj pli grandaj literoj. Oni devas memori, ke tiutempe ne ekzistis kserokopiiloj, komputilaj teksteldoniloj nek similaj faciligaĵoj. Estis nur mia privata skribmaŝino, ĉar tiu apartenanta al la vroclava Filio de PEA pli konvenis al muzeo de tekniko kiel antaŭmilita eksponaĵo.

La malneta teksto devis esti tajpita en tri ekzempleroj formitaj kiel modelo de la gazeto, kun lokoj por la fotoj. En tiu formo ĝi estis sendata al Varsovio, al la cenzoristo. Bone, ke la cenzoristo estis konata junulara esperanta aganto, nune konata ĵurnalisto (prefere mi ne menciu lian nomon, mi ne scias ĉu li tion dezirus).

Baze de la malneta tajpaĵo oni transskribis la tekston nete sur blanka papero. Oni transskribis... Mi transskribis, hejme... Oni algluadis iajn cinamaĵojn, bildetojn, grandliterojn. Mi strebis teni rektan dekstran marĝenon. Tiucele mi elpensis specialan teknikon: post la lasta vorto en ĉiu vico mi starigis signon x ĝis la marĝeno. Skribante nete mi kalkuladis la "iksojn" kaj

# TAMEN

## Pequeño Fragmento del Movimiento Esperantista polaco

***Teodor Konopka***

Como otras muchas organizaciones, también la Asociación Esperantista Polaca tuvo su sección juvenil -Juventud Esperantista Polaca- (PEJ). ¿Existe ahora PEJ? No lo sé, desde hace muchos años cesé mi participación en el Movimiento Esperantista. Lo que no quiere decir que olvidara la lengua y no mantenga relaciones con esperantistas extranjeros.

Como toda organización, también PEJ deseó tener su órgano de prensa. Tal posibilidad fue una realidad en el año 1959 en Toruń, donde tenía su actividad un grupo de entusiastas estudiantes. Bajo la redacción de Marek Pietrzak (fallecido hace tiempo) comenzó la edición de la gaceta "Tamen", órgano de PEJ y de la Asociación de Estudiantes Polacos. "Tamen" apareció irregularmente, hasta el año 1963 fueron editados 18 numeros.

En el año 1963, el centro del movimiento juvenil esperantista se trasladó a Wrocław y los activistas de aquí decidieron continuar la edición de "Tamen". Se fundó el Comité de Redacción con la participación de Władysław Misiak (redactor responsable), Teodor Konopka (secretario de redacción), Teresa Pleśnar, Edward Wojtakowski, Janusz Zych, Edward Folcik. Para colaborar se logró la ayuda de algunas personas, que ayudaron algo a redactar los números "wrocławianos" de la gaceta. La redacción de Wrocław también eran un grupo de entusiastas, sin ninguna preparación para la edición de la revista. Teniendo no obstante modelos, una propia visión del aspecto de la nueva "Tamen" se pasó a la labor. Coleccionado y escritura de artículos (algunos se debían esperantizar). Selección de fotos, adornos, mayúsculas más grandes. Se debe recordar que entonces no había fotocopiadoras, editores de textos por ordenador o parecidas facilidades. Había solo mi propia máquina de escribir, porque la de a la filial de PEA (Asociación Esperantista Polaca) en Wrocław, era más apropiada para un museo técnico como una curiosidad de antes de la guerra.

El borrador del texto debía ser mecanografiado por triplicado, constituyendo el modelo de la gaceta, con espacios para las fotos. En esa forma era enviada a Varsovia, al censor. Suerte que el censor era un conocido activista de la juventud esperantista, actualmente conocido periodista (mejor que no diga su nombre, no sé si él lo desearía).

Como base del borrador mecanografiado se transcribía el texto en limpio sobre un papel blanco. Se transcribía... Lo transcribía yo en casa. Se pegaban algunos adornos, figuritas, letras mayúsculas. Yo ponía empeño en tener un margen derecho recto. A este fin ideé una técnica especial: después de la última palabra en cada hilera yo rellenaba con x hasta el margen. Escribiendo en limpio, contaba las equis y agrandaba

pligrandigadis la spacojn inter kelkaj vortoj en tiu ĉi vico. Tio ĉi estis laciga, sed se mi pene tion faris; la rezulto estis tute bona. Ankoraŭ la tajperaroj en la neta skribaĵo. Mi sur la erarajn literojn algluadis apartajn literojn aŭ tutajn vortojn.
Ricevinte sciigon de la cenzorejo, ke jam eblas, la netan tekston kune kun la fotoj ni sendis al... Gliwice. Tie ni sukcesis aranĝi la presadon. Oni presis "Tamen" per la "offset"-metodo.
La unua vrocłava numero, signata 1/19, aperis somere de la 1963a jaro. En 1963 aperis 10 numeroj. Ili aperadis ofte kun kelksemajna malfruiĝo: jen la cenzoristo libertempis, jen la presejo havis pli gravajn taskojn. Foje la cenzoristo ne konsentis kun la esenco de iu artikolo; li skribis kontrŭartikolon kaj permesis presigi la numeron kondiĉe, ke lia artikolo aperos apude la koncerna. Oni devis alikonstrui la jam pretan numeron... Numero 11/12/1963 dediĉita estis tute al la problemaro de Afriko.
En la jaro 1964 kiel integra parto de "Tamen" ni komencis presigi aldonaĵon "Aboco" - por geinfanoj.
En tiu (1964) jaro mi preparis tute 7 numerojn (ĝis 7-8 numero). Ekde certa tempo tuta, mi substrekas, tuta laboro en la redakcio, ligita kun la eldonado de "Tamen" troviĝis sur mia sola kapo. Vokado pri la helpo al la estraro de PEJ restis senrezulta. Oni vokis kiel al surdulo. Samtempe ekestis en mia propra vivo eventoj, kiuj ne ebligis al mi plu pri "Tamen" zorgi. Tiel la 7-8 numero fariĝis "mia lasta". Sekvintajn numerojn oni eldonadis similmaniere, eluzante ankaŭ miajn tekstojn.
Pasis la sesa jaro de la eldonado de "Tamen" - 1964, sepa - 1965. La jarkolekto VIII aperis kiel organo sole de PEJ - en Varsovio. La gazeto aperis presita per tipografia presarto. El tiuj numeroj mi posedas numerojn 1, 2, 3 kaj 5. Onidire aperis ankoraŭ iuj numeroj. Kio estis poste - verŝajne tio estis jam fino.
En ĉi-supra teksto mi skribas nur pri la "vroclava" periodo - kiel vroclavano, kaj al mia propra engaĝiĝo por la gazeto. "Tamen" oni presigis en la kvanto de kelkcent ekzempleroj. Granda parto estis dissendata eksterlanden. La tuta agado estis verŝajne malprofita. Al neniu oni pagis por la artikoloj, fotoj, desegnaĵoj. La tuta redakcia agado estis farita senprofite. En tiuj tempoj estis ofte, ke iun laboron oni faris centprocente senpage, dum propra libera tempo post la profesia laboro, en la klubejo, hejme, per propra ilaro. Kaj malgraŭ, ke la gazeto estis farata ege amatorece -tion mi nun vidas trarigardante la malnovajn jarkolektojn- la mendado estis granda, ankaŭ el eksterlande. Certagrade la polaj aferoj, ne nur esperantaj kontiĝis en aliaj landoj. En la tempoj, kiam vojaĝado al la socialismaj landoj estis malfacila, kiam vojaĝado tra la mondo estis preskaŭ neebla por ni - Esperanto, kaj ankaŭ nia gazeteto faris multe por konatigo de la problemoj de la homoj el multaj landoj de la Mondo. Multaj el ni tiumaniere povis ekkoni aliajn landojn.
Ekde tiuj tempoj pasis jam pli ol tridek jaroj.

los espacios entre algunas palabras en esa fila. Era muy fatigoso, pero si penoso era el trabajo, el resultado fue totalmente bueno. Quedaban aún los errores mecanografiados en la escritura en limpio. Sobre las letras erróneas yo pegaba letras sueltas o toda la palabra.
Cuando avisaban de la oficina censora, que ya estaba, el texto en limpio junto con las fotos las enviamos a... Gliwice. Allí logramos organizar la impresión. Se imprimió "Tamen" por el método ofset.
El primer numero "wrocławiano", numerado 1/19 apareció el verano de 1963. En ese mismo año salieron 10 numeros. A menudo salían con varias semanas de retraso: o el censor tenía vacaciones, o la imprenta tenía tareas más importantes. Un vez el censor no estaba de acuerdo con un artículo. Escribió una réplica y permitió que se imprimiera el número a condición de que su artículo figurara junto al otro. Hubo que rehacer el número ya preparado...
El número 11/12/1963 fue dedicado totalmente a los problemas de África.
En el año 1964, como parte integrante de "Tamen" empezamos a imprimir un suplemento "ABC", para niños. En ese año, (1964) preparé totalmente 7 números (hasta el número 7/8). A partir de cierto momento todo, y subrayo lo de todo, el trabajo en la redacción, ligado con la edición de "Tamen" recaía sobre mí. Una petición de ayuda a la directiva de PEJ quedó sin resultado. Fue una llamada a sordos. Al mismo tiempo en mi propia vida ocurrieron cosas que no me dejaron ocuparme más de "Tamen". De ese modo el número 7/8 fue "mi último". Los siguientes números se editaron de forma parecida usando también mis textos.
Pasó el sexto año de la edición de "Tamen" 1964. El séptimo 1965, la VIII colección anual se publicó solamente como órgano de PEJ, en Varsovia. La gaceta se publicó impresa de forma tipográfica. De estos números yo poseo el 1, 2, 3 y 5. Se dice que se publicaron aún algunos más. A partir de ahí, seguramente fue ya el final.
En este texto estoy tratando sólo del período "vrocławiano" como vrocławiano que soy, y sobre mi propio compromiso con la gaceta. "Tamen" se imprimió con una tirada de algunos cientos de ejemplares. Gran parte de ellos se envíaron al extranjero. Toda la labor fue, al parecer, sin beneficios. A nadie se le pagó por los artículos, fotos, dibujos. Todo el trabajo de redacción fue hecho "sin beneficio. En esos tiempos era corriente que se hicieran trabajos totalmente gratis, en el tiempo libre después del trabajo profesional, en el club, en casa, con los propios medios. Y a pesar de que la gaceta era cosa de aficionados, -lo veo ahora hojeando las antiguas colecciones-, los encargos eran grandes, también del extranjero. En cierta medida los asuntos polacos, no sólo esperantistas, eran conocidos en otros países. Cuando viajar a los países socialistas era difícil, cuando viajar a través del mundo era casi imposible para nosotros, el Esperanto y nuestra gacetita hicieron mucho por dar a conocer los problemas de los hombres de muchos países del Mundo. Muchos de nosotros, pudimos de esa manera entrar en contacto con otros países.
Desde esos tiempos pasaron ya treinta años.

*Tradujo al español: Santiago Mulas*

# La plej fama bjalistokano

"Zeo" estas Esperanto-neologismo, kiun oni deĉifras kiel "Zamenhof-Esperanto-Objekto". La plej laboremaj "zeologoj", la franco Raymond Bore kaj la germano Hugo Roellinger notis sub tiu termino ĉiujn objektojn kaj lokojn, kies nomoj entenas vortojn "Zamenhof" aŭ "Esperanto". En la jaro 1997 ili estis 1044 en 54 landoj.
Plej multe da ili havas ne Pollando, sed Brazilo, kiu Ludovikon Zamenhof honorigis 160-foje. En tiu nombro troviĝas, krom 120 stratoj kaj placoj, 32 monumentoj. En la dua loko estas Francio kun 130 tiaj objektoj. Pollando havas 107, kio donas al la patrujo de Esperanto la trian pozicion. Sekvas Italio, Hungario, Hispanio kaj Bulgario, kiu havas plej multe da zeoj kompare al nombro de logantaro.
En Varsovio oni alinomis la straton Dzika je Zamenhof-strato en la 1929-a jaro, 12 jarojn post la forpaso de la kreinto de Esperanto, sed li ĝuis tiajn honorojn ankoraŭ dum sia vivo. Konserviĝis letero de francaj esperantistoj el Limoge, skribita en la 1908a jaro, en kiu ili petas Zamenhof konsenton doni lian nomon al unu el la stratoj de sia urbo. Li konsentis por la bono de la afero, sed la administra proceduro daŭris tiom longe, ke finfine kiel unua urbo kun Zamenhof-strato evidentiĝis Sabadell en Hispanio. Samtempe, nome en aŭtuno de la 1912a jaro, Terrasa, urbo ankaŭ proksima al Barcelono, donis nomon de Zamenhof al unu el siaj placoj. Hispanoj evidenciĝis ĝenerale pioniroj sur tiu kampo. Absolute la unua zeo en la mondo estis hispana ŝipo "Zamenhof", surakvigita en 1896 jaro, do apenaŭ 9 jarojn post publikigo de la unua libro. Sub la pola flago navigadis ŝipo "Zamenhof" surakvigita en la jaro 1959 kaj iom poste la saman nomon ricevis aviadilo "Tu134" de la Pola Flug-Kompanio LOT.
La unua monumento estis starigita al Zamenhof en la ĉeka kuracloko Frantiskovy Lazne en la 1914-a jaro. Nun ili estas pli ol 100 en la tuta mondo. Laŭ monumentoj oni povas konsideri Zamenhof, almenaŭ ĝis nun, rekordulo de Pollando.
Zeojn oni povas trovi eĉ en la kosmo. Inter la orbitoj de Marso kaj Jupitero cirkulas asteroidoj "Zamenhof" kaj "Esperanto". Tiel nomis ilin en 1936 jaro ilia malkovrinto, la finna astronomo Y. Vaisala. Kaj ekde la jaro 1977 usona kosmo-sondilo "Voyager" kunportas oran sondiskon kun mesaĝo en 9 lingvoj inkluzive en Esperanto. Tiama ambasadoro de Aŭstralio ĉe UNO, Ralph Harry, kiu surbendigis la Esperanto-tekston, konvinkis respondeculojn de NASA, ke Esperanto estos plej facile deĉifrebla por inteligentaj kosmuloj. Bedaŭrinde ni ne havos ŝancon konvinkiĝi pri tio, ĉar la sondilo atingos la unuan stelon ekster la sunsitemo nur post 40 mil jaroj.

# El bialistocano más famoso

"Zeo" es un neologismo esperantista, que se descifra como "Objeto Zamenhof-Esperanto". Los "zeólogos más laboriosos, el francés Raymond Bore y el alemán Hugo Roellinger situan bajo ese término todos los objetos y lugares, cuyos nombres incluyen las palabras "Zamenhof" y "Esperanto". En 1997 eran 1044 en 54 países. La mayoría no se encuentran en Polonia, sino en Brasil, que honró a Zamenhof 160 veces. En esa cantidad se encuentran, además de 120 calles y plazas, 32 monumentos. En segundo lugar está Francia con 130 de esos objetos. Polonia tiene 107, lo que le asigna a la patria del Esperanto el tercer lugar. Siguen Italia, Hungría, España y Bulgaria, que tiene la mayoría de "zeos" con relación al número de habitantes.
En Varsovia se bautizó la calle Dzika como Zamenhof en 1929, 12 años después de la muerte del creador del Esperanto, pero él gozó esos honores ya en vida. Se conserva una carta de esperantistas franceses de Limoge, escrita en el año 1908, en la que le piden a Zamenhof permiso para darle su nombre a una de las calles de su ciudad. Él dio su consentimiento por el bien de la causa, pero el procedimiento administrativo duró tanto, que finalmente como primera ciudad con una calle Zamenhof se situó Sabadell, en España. A la vez, concretamente en el otoño del año 1912, Tarrasa, otra ciudad próxima a Barcelona, dio el nombre de Zamenhof a una de sus plazas. Los españoles se revelaron generalmente los pioneros en este terreno. El primer "zeo" de todos en el mundo fue un barco español "Zamenhof", botado en el año 1896, o sea 9 años después de la publicación del primer libro. Bajo bandera polaca navegó un barco "Zamenhof" botado en 1959 y poco después recibió el mismo nombre un avión "Tu-134" de la Compañía de Aviación Polaca LOT.
El primer monumento a Zamenhof fue levantado en el sanatorio ĉeco Frantiskovy Lazne en 1914. Ahora son más de 100 en todo el mundo. Por lo que a monumentos se refiere se puede considerar a Zamenhof, al menos hasta ahora, un record de Polonia.
"Zeos" se encuentran hasta en el cosmos. Entre las órbitas de Marte y Jupiter se hallan los asteroides "Zamenhof" y "Esperanto". Así los llamó en 1936 su descubridor, el astrónomo finés Y.Vaisala. Y desde 1977 una sonda espacial norteamericana "Voyager" lleva un disco dorado con un mensaje en 9 idiomas incluyendo el Esperanto. El embajador australiano de entonces ante la ONU, Ralph Harry, que grabó el texto en Esperanto, convenció a los responsables de la NASA, que el Esperanto será más fácil de descifrar por seres cósmicos inteligentes. Lamentablemente no tendremos oportunidad de comprobarlo, ya que la sonda no llegará hasta la primera estrella fuera del sistema solar hasta dentro de 40 mil años.

# Kontraŭ la Internacia MonFonduso kaj la Tutmonda Banko

*verkis: Faustino Castaño Vallina*

La 55a jara asembleo de la Internacia **MonFonduso (IMF)** kaj de la **Tutmonda Banko (TMB)** finiĝis en Prago la 27a de septembro, unu tagon antaŭ la fiksita dato, pro la gravaj perturboj okazintaj dum la antaŭa tago kontraŭ tiuj organizoj de la internacia kapitalismo. En la kontraŭfrontiĝoj inter la ĉeka polico kaj la pli ol dek mil manifestaciantoj sintenantaj kontraŭ la ekonomia tutmondiĝo rezultis vunditaj kvindeko da policanoj kaj granda nombro da manifestaciantoj. Tiu manifestacio de Praga estis nur lanco-pinto de la multenombraj manifestacioj kiuj en la sama tago okazis en multaj urboj, en la tuta mondo, ankaŭ en nia lando, inter ili ankaŭ en nia urbo Gijón. Tiu tutmonda tago de protesto kontraŭ la **IMF** kaj la **TMB** havis sian antaŭaĵon en novembro de la pasinta jaro en Seattlo kontraŭ la **Tutmonda Komerca Organizo**, kie kelkdek-milo da koleraj manifestaciantoj batalis kontraŭ la polico dum du tagoj, kaj poste en Vaŝingtono kaj aliaj lokoj. La celo de la protestoj, kiuj ofte evoluas al perfortaj perturboj pro la polica subpremado, ĉiam estas tiuj tutmondaj organizoj perantoj de la tiraneco de la granda kapitalo sur la popoloj de la mondo kaj kiuj estas esprimo de tiu procezo de ekonomia tutmondiĝado aŭ globaliĝo kiu akcentigadas la diferencojn inter la riĉaj kaj la malriĉaj landoj kaj inter la riĉaj kaj malriĉaj personoj de ĉiu lando kaj je tutmonda skalo. Organizoj kiuj reprezentas la interesojn de tiuj universalaj povoj kiuj kontrolas ĉion kaj estas la profitantoj de maljusta mondo regata de la multnaciaj entreprenoj kiuj pliprofundigas la abismon kiu disigas ekonomie kaj socie la Nordon de la Sudo. Iu mondo kie la rento de la 200 plejriĉuloj superas la tutan renton de du mil milionoj da personoj. Pro tio ke ili obeis la rekomendojn de la Internacia MonFonduso, okdek landoj havas nuntempe renton *po persona*-n pli malalta ol tiu de antaŭ dek jaroj: la laboristoj kaj la kamparanoj suferas la sekvojn de krizo generita de iuj disponoj celantaj ke la riĉaj landoj kaj la riĉaj klasoj pligrandigu siajn riĉaĵojn.
La tutmodiĝo estas sekvo de la disvolviĝo de la teknologio kaj de la komunicad-rimedoj kiuj ebligas la dummomentajn financajn operaciojn. La **IMF** postulas la ekonomian interdependecon de la ensemblo de la landoj de la mondo rilate al la kvanto de la transakcioj de varoj kaj servoj kaj la internaciaj fluoj de kapitalo. Tia tutmondiĝo de la ekonomia funkciado signifas ke nuliĝas la povo de la nacioj kaj malaperas la kapablo de ĝiaj regantaroj por apliki sociajn disponojn celantaj redistribuadon. La progreso kaj la disvolviĝo kiu, laŭteorie, devus alporti tiu procezo, ne

# Contra el Fondo Monetario Internacional y el Banco Mundial

***Faustino Castaño Vallina***

La 55 asamblea anual del **Fondo Monetario Internacional (FMI)** y del **Banco Mundial (BM)** se clausuraba en Praga el 27 de septiembre, un día antes de lo previsto, por los graves disturbios que habían tenido lugar el día anterior contra esos organismos del capitalismo internacional. En los enfrentamientos de la policía checa contra los más de diez mil manifestantes adversarios de la globalización económica resultaron heridos unos cincuenta agentes y un número indeterminado de manifestantes.
Esa manifestación de Praga era sólo la punta de lanza de las numerosas manifestaciones que el mismo día tenían lugar en muchas ciudades, en todo el mundo, también en nuestro país, entre ellas también en nuestra ciudad de Gijón. Esa jornada mundial de protesta contra el **FMI** y el **BM** tuvo su precedente en noviembre del año pasado en Seattle contra la **Organización Mundial del Comercio** en la que varias decenas de miles de airados manifestantes se enfrentaron a la policía durante dos días, y después en Washington y otros lugares. El objetivo de las protestas, que con frecuencia evoluciona a disturbios violentos por la represión policial, son siempre esos organismos mundiales que representan la tiranía del gran capital sobre los pueblos del mundo y que son expresión de ese proceso de mundialización económica o globalización que va acentuando las diferencias entre los países ricos y los pobres y entre las personas ricas y pobres de cada país y a nivel mundial. Organizaciones que representan los intereses de los poderes que se reparten las riendas del universo y que son los beneficiarios de un mundo injusto dominado por las multinacionales que van ahondando el abismo que separa económica y socialmente al Norte del Sur. Un mundo en el que la renta de las 200 personas más ricas es superior a la renta conjunta de dos mil millones de personas. Por seguir las recomendaciones del **FMI** ochenta países tienen hoy una renta *per cápita* inferior a la de hace diez años: los obreros y campesinos sufren las consecuencias de una crisis generada por unas medidas encaminadas a que los países ricos y las clases ricas aumenten su riqueza.
La globalización es la consecuencia del desarrollo tecnológico y de las comunicaciones que posibilita las transacciones financieras instantáneas. El **FMI** postula la interdependencia económica del conjunto de países del mundo en lo tocante al volumen de las transacciones de bienes y servicios y los flujos de capital internacionales. Esa mundialización del funcionamiento económico implica que se disuelve el poder de las naciones y desaparece la capacidad de sus gobiernos para arbitrar medidas sociales con finalidad redistributiva. El progreso y el desarrollo que, en teoría, debía aportar ese proceso, no llega a todos; en realidad, las cuatro quintas partes de la población mundial se empobrecen

alvenas al ĉiuj; fakte, kvar kvinonoj el la tutmonda loĝantaro senĉese malriĉiĝas dum rikoltas ĉiujn profitojn la cetera kvinono. La malriĉeco, malegaleco kaj malsekureco kreskiĝis en la mondo dum disvolviĝis la procezso de tutmondiĝo.

La mesaĝo alportata de tiu kreskiĝanta protestado kontraŭ la organizoj de la internacia kapitalismo estas tiu ke ne eblos ia estonteco por la riĉuloj se oni ne konstruas pli bonan estontecon por la malriĉuloj. Ne povos senfine daŭri tia situacio en kiu la riĉuloj fariĝas malplinombraj sed estas pli kaj pli riĉaj dum la malriĉuloj pli multenombras kaj pli kaj malriĉiĝas.

La ĉeka Prezidento, Vaclav Havel, kondamnis la manifestacion kontraŭ la **IMF**, realigata, laŭ li, fare de anarko-komunistoj. Tiu ulo ĝuas ian prestiĝon kiel demokratia intelektulo surbaze de sia iama opozicio al komunista reĝimo de sia lando. Per tiutipaj poziciiĝoj li montras sian veran vizaĝon de agento servisto de la tutmonda imperiismo, ĝuste same ol la prezidento de iu ajn banan-respubliko.

La ceĥa polico ricevis admonojn procedi perforte kontraŭ la manifestaciantoj. Multaj el ĉi tiuj estis retenitaj dum horoj en la landlimo, kiel okazis al iu itala trajno kiu alportis pli ol milo da aktivuloj. Dum la protest-tago oni blokigis la publikajn transportilojn kaj komunikilojn kaj oni prenis aliajn disponojn en la ĉeka ĉefurbo por malebligi la la proteston. Kaj multaj manifestaciantoj estis batitaj kaj arestitaj fare de la polico. Kelkajn semajnojn poste ankoraŭ restis en la prizonoj de Prago multaj arestitoj, kiuj estis torturitaj, ĉefe la ĉekaj aktivistoj.

La presaro prezentadis malfavoran bildon pri la manifestaciantoj jam ekde multaj tagoj antaŭ tiu dato. La loĝantaro de Praga poziciiĝis kontraŭ tiom da aktivistoj el la tuta mondo kiuj plendis kontraŭ sistemo el kiu tiu loĝantaro esperas ankoraŭ plibonigon de sia vivnivelo kaj eniro en la Eŭropa Komunumo.

Dum la disvolviĝo de la batal-tago la manifestaciantoj povis rekte sperti la sekvojn de la lingva problemo de la mondo. Okazis la logikaj malfacilaĵoj por la interkomunikado de la aktivistoj venintaj el landoj diverslingvaj. Ne abundis las esperantistoj, kvankam estis kelkaj. En la asembleoj kiujn oni faris senĉese estis necesa la helpo de tradukistoj, kaj la ponta lingvo uzita plejparte estis la angla, kio konstituas por tiuj homoj kontraŭdiro ke batalante kontraŭ la imperiismo, ili senĉese devis uzi la lingvon de la imperio por la interkomunikado.




sin cesar mientras recoge todos los beneficios la quinta parte restante. La pobreza, la desigualdad y la inseguridad crecieron en el mundo mientras se desarrollaba el proceso de globalización.

El mensaje que transmite esa creciente protesta contra las organizaciones del capitalismo internacional es que no habrá futuro para los ricos si no se construye un futuro mejor para los pobres. No puede prolongarse indefinidamente una situación en la que los ricos van siendo cada vez menos pero cada vez más ricos mientras los pobres son cada vez más numerosos y cada vez más pobres.

El presidente checo, Vaclav Havel, condenó la manifestación contra el **FMI**, protagonizada, según él, por anarco-comunistas. Este personaje se había labrado un prestigio como intelectual demócrata en su oposición al régimen comunista de su país. Con este tipo de posicionamientos muestra su verdadero rostro de agente servidor del imperialismo mundial, exactamente igual que cualquier presidente de una república bananera.

La policía checa tenía instrucciones de proceder duramente contra los manifestantes. Muchos de éstos fueron retenidos durante horas en la frontera, como ocurrió a un tren italiano que transportaba más de un millar de activistas. Durante la jornada de protesta se recurrió al bloqueo de los medios de transporte y comunicación y a otras medidas en la capital checa para dificultar la protesta. Y muchos manifestantes fueron golpeados y detenidos por la policía. Varias semanas después aún permanecían en los calabozos de Praga muchos detenidos, a los que se les infligían malos tratos, en especial a los activistas checos.

La prensa había contribuido a presentar una mala imagen de los manifestantes ya desde muchos días antes de esta fecha. La población de Praga estaba mal dispuesta hacia tantos activistas de todo el mundo que protestaban contra un sistema del que esa población todavía espera una mejora de su nivel de vida y su ingreso en la Comunidad Europea.

Durante el desarrollo de la jornada de lucha los manifestantes pudieron experimentar directamente los inconvenientes del problema lingüístico del mundo. Había las lógicas dificultades para comunicarse los activistas procedentes de países con idiomas diferentes. No abundaban los esperantistas, aunque algunos había. En las asambleas que se hacían era necesaria incesantemente la ayuda de traductores, y el idioma puente utilizado era mayoritariamente el inglés, lo que les hacía incurrir en la contradicción de que estando luchando contra el imperialismo, sin cesar tenían que recurrir a la lengua del imperio para entenderse.

## 59a Hispana Esperanto-Kongreso




## 59º Congreso Español de Esperanto

### Partopreno de nia Gijona E-Grupo

### Participación de nuestro grupo de Gijón

Dum la tagoj 29a de aprilo al 1a de majo ĉi-jare okazis en San-Sebastián-de-los-Reyes (Madrido) la 59a Hispana Kongreso de Esperanto. El nia «Astura Esperanto-Asocio» partoprenis en tiu kongreso nia samideano Faustino Castaño kune kun sia edzino. Ni faras al li intervjuon por informiĝi pri tiu esperantista evento.

**Heleco: Saluton, Faustino; kian impreson vi ricevis pri la ĉi-jara E-kongreso de nia lando?**

**Faustino:** Nu, malbona…

**H: Do, ĉu ĝi estis malsukcesa kongreso?**

**F:** Antaŭ ĉio, mi klarigu ke estis malsukcesaj ĉiuj kongresoj de Esperanto, ĉu landaj aŭ eksterlandaj, okazintaj post la morto de L.L.Zamenhof, samkiel ĉiu cetera penlaborado de la geesperantistoj. Atestas pri tio la situacio de nia afero en la mondo unu jarcenton post la apero de la Internacia Lingvo, la febleco de nia E-movado, la malgranda enradikiĝo de Esperanto en la socio…

**H: Ĉu ne estas tro rigora via prijuĝo pri nia situacio?**

**F:** Tute ne. Tiele mi vidas la aferon nuntempe, sed tio okazis ne nur ĉi-foje, en la 59a E-kongreso de Hispanio. El aliaj kongresoj, kiujn mi ĉeestis antaŭe, mi revenis tre kontenta; tiuj kongresaj tagoj troviĝas inter la plej feliĉaj de mia vivo. Ĉi-jare okazis tute male: mi revenis malĝoja kaj ĉagrenita pro iuj malagrablaj cirkonstancoj de la lasta kongreso. Sed tio, la iama feliĉo kaj la nuntempa tristo estas nur subjektivaj sentoj miaj. La objektiva realo estas tio ke ĉiuj kongresoj estis same vantaj kaj senutilaj tial ke ni, la geesperantistoj, ne sukcesis trovi la ĝustan strategion por certigi la sukceson de nia afero en la socio. Dum la unua epoko, sub iniciato de Zamenhof, la E-movado agadis laŭ strategio kiu estis altgrade taŭga por tiu epoko. Ni devas konstati ke ĉiu vera progreso de Esperanto okazis nur en tiu etapo; ni ankoraŭ vivas el rentoj de la

Del 29 de abril al 1 de majo de este año tuvo lugar en San Sebastián de los Reyes (Madrid) el 59º Congreso Español de Esperanto. De nuestra «Asociación Asturiana de esperanto» participó en ese congreso nuestro colega Faustino Castaño junto con su esposa. Le hacemos esta entrevista para informarnos sobre este evento esperantista.

**Heleco: Saludos, Faustino; ¿qué impresión sacaste del congreso de Esperanto de nuestro país de este año?**

**Faustino:** Bueno, mala...

**H: Entonces, ¿fue un fracaso el congreso?**

**F:** Ante todo, debo aclarar que fueron fracasos todos los congresos de Esperanto, tanto nacionales como internacionales, que tuvieron lugar tras la muerte L.L.Zamenhof, al igual que todas las demás penalidades de los esperantistas. Lo atestigua la situación de nuestro asunto en el mundo un siglo después de la aparición del Idioma Internacional, la debilidad de nuestro movimiento esperantista, la pequeña implantación del Esperanto en la sociedad...

**H: ¿No es demasiado riguroso tu jucio sobre nuestra situación?**

**F:** En absoluto. Así es cómo yo veo el asunto en la actualidad, pero eso tuvo lugar no sólo esta vez, en el 59º congreso de Esperanto de España. De otros congresos, a los que asistí anteriormente, volví muy contento; esos días se cuentan entre los más felices de mi vida. Este año ocurrió todo lo contrario: volví triste y cabreado por varias circunstancias desagradables del último congreso. Pero eso, la felicidad de otros tiempos, y la tristeza actual son sólo sentimientos subjetivos míos. La realidad objetiva es que todos los congresos fueron igualmente vanos e inútiles puesto que nosotros, los esperantistas, no acertamos a encontrar la estrategia adecuada para asegurar el éxito de nuestro objetivo en la sociedad. Durante la primera época, bajo la iniciativa de Zamenhof, el movimiento esperantista actuó según una estrategia que era en alto grado adecuada para esa época. Debemos

Zamenhofa etapo. Tiurilate nia «Astura Esperanto-Asocio» estas tipa ekzemplo aŭ paradigmo: ĝi estis kreita tuj post la 5a Kongreso Universala de Esperanto, okazinta en Barcelono en la jaro 1909 kun la ĉeesto de L.L.Zamenhof. Estis enorma por Hispanio la impulso kaj efiko (en ĉi tiu punkto mi ŝatus uzi la vorton "impakto" kun la signifoj kiujn ĝi havas en la hispana lingvo). Subinflue de tiu Zamenhofa impakto aŭ efiko kreiĝis en nia lando multaj E-rondoj kaj kluboj, el kiuj ekzistas ankoraŭ iuj, inter ili nia «Astura Esperanto-Asocio» de Gijón. Nu, jen en nia foto-kolekto estas kelkaj fotografaĵoj de la Gijona E-grupo. Ni povas konstati ke en la epokoj kiam ili estis faritaj (jaroj 1921, 1934...) la membraro de la E-Grupo de nia urbo ne estis malpli multenombra ol hodiaŭ; en iu tempo estis eĉ pli multenombra ol nuntempe, kaj antaŭ la civila milito eĉ ekzistis en Gijón dua Esperanto-rondo krom ĉi tiu asocio. Pli- malpli-grade, la samo okazas en la tuta lando, kaj ankaŭ en multaj aliaj lokoj en la mondo. Dum nia kongresado en San-Sebastián-de-los-Reyes, iu madrida ĵurnalo kiu informis pri nia aranĝo surmetis jenan titolon: "La supervivantoj de Esperanto kongresas ĉi-tagojn". La informo kiu sekvis tiun titolon estis sufiĉe favora por ni; eĉ okazis ke la kvindeko da gekongresistoj aperis kiel 300 en la teksto de la ĵurnala raportaĵo. Sed la titolo ĉagrenigis multajn el ni. La esprimo "supervivantoj de Esperanto" estas ŝarĝata de ideologia signifo. Per ĝi la superreganta ideologio de la unika pensomaniero batas nin deklarante ke ni estas eksmodaj, malmodernaj, revuloj de afero de la pasinta jarcento... Mi troviĝis inter la esperantistoj kiujn ĝenis tiu bildo, kiun la ĵurnalisto volis prezenti pri ni, sed poste mi pensis ke, sendepende de la intenco de la presaro malfavori nian aferon, la esprimo "supervivantoj" ne estas malĝusta kiam oni aplikas ĝin al niaj movadanoj; ni ne sukcesas progresigi nian aferon; unu jarcento post la apero de Esperanto, la ĉeestantoj de E-kongreso en granda lando kia Hispanio povas esti portataj de unusola buso.

**H: Vi parolis pri Zamenhofa strategio, kiu estis taŭga por la komenca periodo, kaj pri la nekapablo de la nuntempa E-movado pretigi konvenan strategion por nia epoko. Ĉu vi povas ekspliki tiun ideon?**



constatar que todo verdadero progreso del Esperanto tuvo lugar sólo en esa etapa; todavía estamos viviendo de las rentas de la etapa de Zamenhof. A este respecto nuestra **Asociación Asturiana de Esperanto** es un ejemplo típico o paradigma: fue creada inmediatamente después del 5º Congreso Universal de Esperanto, que tuvo lugar en Barcelona en el año 1909 con la presencia de L.L.Zamenhof. Fue enorme para España su impulso y la incidencia (o como indica la expresión española "impacto" con los significados que tiene en nuestro idioma). Bajo la influencia del ese impacto o incidencia de Zamenhof se crearon en nuestro país muchos grupos y clubs esperantistas, de los cuales aún existen algunos, entre ellos nuestra **Asociación Asturiana de Esperanto** de Gijón. Pues bien, ahí está nuestra colección fotográfica con fotos del grupo de Esperanto de la Gijón. Podemos ver que en las épocas cuando fueron hechas esas fotos (años 1921, 1934...) los miembros del Grupo esperantista de nuestra ciudad no eran menos numerosos que hoy; en algún tiempo eran incluso más numerosos que actualmente, y antes de la guerra civil incluso existía en Gijón un segundo círculo esperantista además de esta asociación. En mayor o menor medida, lo mismo ocurre en todo el país, y también en muchos lugares en el mundo. Durante la celebración de nuestro congreso en San Sebastián de los Reyes, un periódico madrileño que informaba sobre nuestro encuentro ponía el siguiente título: "Los sobrevivientes del Esperanto se reunen en congreso estos días". La información que seguía a este título nos era bastante favorable; incluso convertían la cincuentena de congresistas en 300 en el texto del reportaje periodístico. Pero el título molestó a muchos de nosotros. La expresión "sobrevivientes del Esperanto" está cargada de significación ideológica. Por ella la ideologia dominante del pensamiento único nos golpea declarando que estamos pasados de moda, anticuados, soñadores de una ilusión del siglo pasado... Yo me encontraba entre los esperantistas a quienes fastidió esa imagen que el periodista quiso presentar de nosotros, pero después pensé que, con independencia de la intención de la prensa de perjudicar nuestra causa, la expresión "sobrevivientes" no es del todo inexacta cuando se aplica a los miembros de nuestro movimiento; no conseguimos hacer avanzar nuestra causa; un siglo después de la aparición del Esperanto, los asistentes a un congreso de Esperanto en un país grande como España caben en un autobús.

**H: Hablaste de la estrategia de Zamenhof, que fue apropiada para el período inicial, y sobre la incapacidad**

# 85a Universala Kongreso de Esperanto

## Partopreno de nia Gijona E-Grupo




# 85º Congreso Universal de Esperanto

## Participación de nuestro grupo de Gijón

La Universala Esperanto-Kongreso de la jaro 2000 okazis en Tel-Avivo (Israelo), de la 25a de julio al la 1a de aŭgusto.
El nia Astura Esperanto Asocio, ĉeestis tiun esperantistan eventon nia samideano Julio Argüelles. Oni povas diri ke pere de li, partoprenis en ĝi ĉiuj membroj de tiu ĉi E-grupo, kiuj deziris troviĝi tie tiuokaze sed al kiuj ne eblis fari tion. Krom la abunda materialo pri tiu kongreso, kiun ni publikigas en ĉi tiu numero de la revuo, ni volis ankaŭ intervjui nian amikon por ke li rakontu al ni pri liaj personaj impresoj pri tiu grava esperantista renkontiĝo.

**Heleco: Saluton, Julio; vi kutime ĉeestas ĉiujare la Universalan Kongreson de Esperanto...**

**Julio:** Jes, jes; de antaŭ proksimume dudek jaroj mi partoprenas en ĉiuj Kongresoj Universalaj. Mi havas grandan kolekton da fotalbumoj kun bildaj memoraĵoj de tiuj okazoj. Jen, precize, mi havas ĉi tie la albumon kun la foto-kolekto de la ĉi-jara E-Kongreso en Israelo...

**H: Bone, ni metos kelkajn el tiuj bildoj, por ties publikigo en la revuo, inter la teksto de ĉi tiu intervjuo. Do, en Israelo, finfine; jam de antaŭ longe oni deziris fari la Universalan Kongreson de Esperanto en tiu lando, ĉu ne?**

**J:** Jes, tiel estas. Jam oni organizis Universalan E-Kongreson kiu estus devinta okazi en la sama urbo de Tel-Avivo en la somero de la jaro 1967, sed ĝuste unu tagon antaŭ la inaŭguro de la Kongreso, subite kaj neatendite komencis tiu nomata "Sestaga milito" inter Israelo kaj kelkaj el siaj najbaraj landoj arabaj. Multaj geesperantistoj, kiuj jam estis alveninte tiam al Tel-Avivo por partopreni en la Kongreso, ne-vole troviĝis en militanta lando, kaj devis reveni al siaj loĝlokoj ĉar la kongreso ne povis okazi pro la milito.

El Congreso Universal de Esperanto del año 2000 tuvo lugar el Tel-Aviv (Israel), del 25 de Julio al 1 de Agosto. De nuestra Asociación Asturiana de Esperanto, estuvo presente en este acontecimiento esperantista nuestro colega Julio Argüelles. Se puede decir que por medio de él, participamos todos los miembros de este Grupo de Esperanto, que hubiésemos querido encontrarnos allí en esa ocasión pero que no nos fue posible hacerlo. Además del abundante material sobre ese congreso, que publicamos en este número de la revista, quisimos también hacerle una entrevista a nuestro amigo para que nos cuente sus impresiones personales acerca de ese importante encuentro esperantista.

**Heleco: Hola, Julio; tu sueles asistir todos los años al Congreso Universal de Esperanto...**

**Julio:** Sí, si; desde hace aproximadamente veinte años participo en todos los Congresos Universales. Tengo una gran colección de albums de fotos con imágenes de recuerdo de esas ocasiones. Mirad, precisamente tengo aquí el álbum con la colección de fotos del Congreso de Esperanto de este año en Israel...

**H: Bien, pondremos algunas de esas imágenes, para su publicación en la revista, entre el texto de esta entrevista. Entonces, en Isreal, por fin; ya hacía bastante tiempo que se quería celebrar el Congreso Universal de Esperanto en este país, ¿no es así?**

**J:** Sí, así es. Ya se organizó un Congreso Universal de Esperanto que tenía que haberse celebrado en la misma ciudad de Tel-Aviv en el verano de 1967, pero justamente el día antes de la inauguración del Congreso, repentina e inesperadamente comenzó la llamada "Guerra de los seis días" entre Israel y algunos de sus países árabes vecinos. Muchos esperantistas, que ya habían llegado entonces a Tel-Aviv para participar en el Congreso, sin quererlo se encontraron en un país en guerra, y debieron regresar a sus lugares de residencia ya que el congreso no pudo tener lugar por la guerra.

De tiam, okazis kromaj du militoj inter Israelo kaj la arabaj landoj. Kaj dum la tempo-periodoj inter la militoj estis en tiu lando multe da terorismo kaj inter-etniaj konfliktoj. Dum kelkaj jaroj, meze de la lasta jardeko, la konfliktoj kaj malordo fariĝis preskaŭ konstanta popola moviliziĝo (palestina), perforta, tre perforta, la t.n. "Intifado". Fine, ŝajnis ke iome normaliĝis la situacio; la palestinanoj atingis iajn politikajn rajtojn de aŭtonomeco en kelkaj regionoj. La ĉi-jara E-Kongreso okazis kadre situacio sufiĉe paca, sed nun, post malmultaj semajnoj, denove renaskiĝis la perforto kaj la interfrontiĝo; fakte, la nuna situacio ŝajnas la ekestiĝo de dua "intifado".

Desde entonces, tuvieron lugar otras dos guerras entre Israel y los países árabes. Y en los períodos entre guerras hubo en ese país muchos atentados terroristas y conflictos interétnicos. Durante algunos años, a mediados de la última década, los conflictos y el desorden se convirtieron en una movilización popular (palestina) casi constante, la denominada "Intifada". Finalmente pareció que se normalizaba algo la situación; los palestinos consiguieron algunos derechos políticos de autonomía en algunas regiones. El Congreso de Esperanto de este año tuvo lugar en el marco de una situación bastante pacífica, pero ahora, después de algunas semanas, renació de nuevo la violencia y los enfrentamientos; de hecho, la situación actual parece el comienzo de una segunda "intifada".

**H: Kaj ĉiuj ĉi konfliktoj kaj perforto estigas ian danĝeran situacion, kiu ne stimulis la aliron de geesperantistoj al la Kongreso, ĉu ne?**

**H: Y todos esos conflictos y violencia configuran una situación peligrosa que habrá retraído el que acudieran esperantistas al congreso, ¿verdad?**

**J:** Kompreneble. La nombro da partoprenintoj en la kongreso de Tel-Avivo estis, proksimume, 1500 personoj. Kutime, la ĉeestantaro en la Universalaj E-Kongresoj, en normalaj kondiĉoj, atingas nombron da 3000 al 4000 personoj. Sed rilate al Israelo, ne temas nur pri nia esperantista kongreso. Tiu ĉi lando havas grandan turisman industrion. Israelo ricevadas ĉiutipajn geturistojn, sed speciale ĝi estas la celo de pilgrimantoj el la tuta mondo, kiuj aliras al la Sanktaj Lokoj de la Kristanismo. Kaj en tiu ĉi jaro 2000 oni festas la kulminon de la dua jarmilo de la kristana kalendaro. Por tion festi, oni organizis multajn specialajn aranĝojn destine al tiuj turistoj-pilgrimantoj. Iamaniere, la E-kongreso estis alia el la multaj celebradoj de la du-jarmila Jubileo. La malfavora influo de la nuna perforto efikas ankaŭ kontraŭ tiuj celebradoj.



*Julio Argüelles*

**J:** Desde luego. El número de participantes en el congreso de Tel-Aviv fue, aproximadamente, 1500 personas. Por lo general, la asistencia a los Congresos Universales de Esperanto, en condiciones normales, alcanza la cifra de 3000 a 4000 personas. Pero en lo que a Israel se refiere, no se trata sólo de nuestro congreso esperantista. Este país tiene una gran industria turística. Israel recibe turistas de todos los tipos, pero especialmente es el destino de peregrinos de todo el mundo que acuden a los Santos Lugares del Cristianismo. Y en este año 2000 se celebra el final del segundo milenio del calendario cristiano. Para festejar eso, se organizaron este año en Israel muchos actos especiales con destino a esos turistas-peregrinos. De alguna manera, el congreso de Esperanto fue otra de las muchas celebraciones del Jubileo del fin del segundo milenio. El efecto desfavorable de la violencia actual afecta también a todas esas celebraciones.

**H: Kompreneble; kaj supozeble tiu situacio ankaŭ ne estas favora por la partopreno de arabaj geesperantistoj en kongreso en Israelo. Ĉu estis palestinaj kongresanoj en Tel-Avivo?**

**H: Desde luego; y es de suponer que esa situación tampoco favorecerá la participación de esperantistas árabes en un kongreso celebrado en Israel. ¿Había congresistas palestinos en Tel-Aviv?**

**J:** Palestinaj... mi ne scias; eble eĉ ne ekzistas palestinaj geesperantistoj. Sed, jes ja, estis araboj en la kongreso; konkrete, mi vidis grupon da gekongresanoj el Jordanio.

**J:** Palestinos... no sé; quizá ni siquiera existan esperantistas palestinos. Pero sí que había árabes en el Congreso; concretamente, yo vi un grupo de congresistas venidos de Jordania.

**H: Nun ni parolu pri la disvolviĝo de la Kongreso. Kian impreson vi eltiris el ĝi?**

**H: Ahora hablemos del desarrollo del Congreso. ¿Qué impresión sacaste de él?**

**J:** Bonega, kiel kutime. Ĉiujare mi tre ĝuas tiujn tagojn de la Universalaj Kongresoj, kiuj estas okazo por mia renkontiĝo kun miaj fremdaj geamikoj kaj por admiri la vidindaĵojn de la kongresa lando. Kiel ĉiam, la inaŭgura kaj la ferma sesioj de la Kongreso estis tre emociigaj solenaĵoj; mi ĉeestis tiujn aktojn kune kun mia israela amikino Raĥel Sani.

**H: Kaj kio pri aliaj aktoj de la Kongreso, pri la labor-sesioj? Ĉu vi povas priskribi la Kunvenon pri la kulturpolitiko de UEA?**

**J:** Ne. Ne, ĉar mi ne ĉeestis tiun kunvenon. Ŝajnas al mi ke tiu programero okazis la tagon kiam mi ekskursis, kune kun iu mia bulgara amikino, al Golan-montaro.




**H: Do, ĉu vi povas iome pritemi alian gravan sesion de la Kongreso, ekzemple la prelegon de Humphrey Tonkin, pri kiu informas la septembra numero de la revuo ESPERANTO de Universala Esperanto Asocio?**

**J:** Ankaŭ ne. Eble tiu prelego okazis la tagon kiam mi, kune kun iu mia pola amikino, estis turism-vizitante la urbon Tel-Avivon kaj tagmanĝis kun tiu sinjorino.

Sed ĝuste pri Tel-Avivo, kaj pri tiuj tagoj, mi memoras iun anekdoton, kiun mi deziras rakonti al vi: reveninte iam el la kongresejo al la hotelo **Dan Panoramo,** kie mi gastis, irante tra strato de tiu urbo mi aŭdis paroli hispanlingve; estis iu virino kun du infanoj. Mi demandis al ili: *el kiu lando estas vi?* La virino respondis: *el Hispanio, kaj vi?* Mi diris ke ankaŭ mi estas hispano kaj ke mi troviĝis tie por partopreni en la Universala Kongreso de Esperanto. La virino informis ke ŝi kaj la filinoj venis al Israelo por pasigi monaton ĉi-tie kune kun ŝia edzo, nun laborante en tiu lando. Post du tagoj mi denove renkontiĝis hazarde kun ili surstrate. La virino diris al mi: *Post kiam mi interparolis kun vi antaŭhieraŭ, kaj vi ion diris pri kongreso de Esperanto, mi memoris ke onklino mia, nun loĝanta en Anglujo, en Kambridĝo, estas esperantistino. Ŝi nomiĝas Elsa Tejedor.* Mi restis dummomente dubetante, kaj diris: *Mi korespondas kun multaj geesperantistoj, inter ili kun iu hispana esperantistino loĝanta en Kam-*

**J:** Muy buena, como de costumbre. Todos los años disfruto esos días del los Congresos Univesales, que son ocasión para encontrarme con mis amigos/as extranjeros/as y de admirar las cosas dignas de ver del país donde tiene lugar el congreso. Como siempre, las sesiones inaugural y de clausura del Congreso fueron unas solemnidades muy emocionantes; yo las presencié junto con mi amiga israelí Raquel Sani.

**H: Y ¿qué nos cuentas sobre otros actos del Congreso, sobre las sesiones de trabajo? ¿puedes describirnos la Reunión sobre la política cultural de UEA?**

**J:** No. No, pues no asistí a esa reunión. Me parece que ese acto del programa tuvo lugar el día en que fui de excursión, junto con una amiga mía búlgara, a la cordillera del Golan.

**H: Entonces, nos puedes decir algo sobre otra sesión importante del Congreso, por ejemplo la conferencia de Humphrey Tonkin, de la que informa el número de septiembre de la revista ESPERANTO de la Asociación Universal de Esperanto?**

**J:** Tampoco. Seguramente esa conferencia tuvo lugar el mismo día en el que, junto con una amiga mía polaca, estuve visitando en plan turista la ciudad de Tel-Aviv, y estuve comiendo con esa señora.

Pero a propósito de Tel-Aviv, y de esos días, me acuerdo ahora de una anécdota, que os quiero contar: regresando un día de la sede del Congreso al hotel **Dan Panorama**, donde estaba hospedado, pasando por una calle de esa ciudad oí hablar en español; se trataba de una mujer con dos niñas. Les pregunté: *¿de qué país sois?* La mujer respondió: *somos de España, y usted?* Les respondí que también yo soy español y que me encontraba allí para participar en el Congreso Universal de Esperanto. La mujer me informó que ella y sus hijas habían venido a Israel para pasar un mes aquí en compañía de su marido, el cual está trabajando actualmente en ese país. Dos días después me encontré de nuevo por casualidad con ellas en la calle. La mujer me dijo: *Después que estuve hablando con Vd anteayer, y me dijo algo sobre un congreso de Esperanto, me acordé que una tía mía, que reside actualmente en Inglaterra, en Cambridge, es esperantista. Se llama Elsa Tejedor.* Me quedé un momento algo dubitativo, y le dije: *Mantengo correspondencia con muchos esperantistas, entre ellos con una esperantista española que vive en Cambridge, pero ella se llama, no Elsa, sino Vic-*

*bridĝo, sed ŝi nomiĝas, ne Elsa, sed Victoria Tejedor.* La virino ekkriis: *Ho!, Jes!, estas la sama persono; la kompleta nomo de mia onklino estas Victoria Elsa Tejedor.* Konstatu ke la mondo estas kvazaŭ naztuko.

**H: Jes..., sed malfeliĉe ofte estas sufiĉe malpura naztuko. Sed ni revenu al nia temo de la Kongreso. Ĉu vi ĉeestis la neformalan renkontiĝon de la Estraro kun la membraro de UEA, aŭ tiun sesion dediĉitan al la problemaro de la E-movado en Afriko?**

**J:** Ne. Mi pensas ke tiu lasta programero, kiun vi menciis, okazis kiam mi ekskursis, kune kun mia brazila amikino Socorro Oliveira, por viziti gravajn lokojn de Israelo. Unue ni estis en la famkonata Monto Karmelo. Poste ni iris al la lago Tiberiado kaj vizitis la urbon Kapernaumo, agadcentro de Jesuo, kaj tie ni vidis restaĵojn el antikva sinagogo de la periodo de la Dua Templo. Ni vizitis ankaŭ la lokon nomatan "Tabba" kie, laŭ supozite, okazis la miraklo de Jesuo multobligi la panojn kaj la fiŝojn por nutri 5000 homojn. Sekve ni veturis al "Jardenit", apud la Jordan-rivero, la loko kie, laŭ supozite, okazis la baptado fare de Johano. En la urbo "Nazaret", kiun ni vizitis poste, oni montris al ni lokojn pri la vivo de Jesuo-Kristo, kiu loĝis tie.



Post unuhora veturado ni alvenis al la Morta Maro, troviĝanta en la plej malalta punkto de la tera surfaco, 600 metrojn sub la nivelo de la Mediteranea maro. Tie proksime ni vizitis la antikvan fortreson de "Masada", lasta reduto de la juda rezistado en la milito kontraŭ la romianoj, en la jaro 70 de nia Erao.

La lasta vizito de tiu neforgesebla tago estis tiu, al Bejt-Leĥem (Belém), la urbo de la naskiĝo de Jesuo, kaj tie ni vidis la bazilikon de la Krist-naskiĝo, konstruita en la loko kie supozeble okazis tiu naskiĝo. Nun mi memoras ke mi forgesis priskribi alian gravan viziton en Israel, konkrete tiun, kiun mi faris, kune kun iu mia angla amikino, al Jerusalemo. Jen kelkaj fotoj pri tiu ekskurso. Ankaŭ pri tiu vojaĝo mi volas rakonti anekdoton. En tiu urbo, kie estas tiom da kristanaj preĝejoj, estas ankaŭ iu preĝejo nomata «de la PATRO NIA». Ĝi estas dediĉata al tiu preĝo de JesuoKristo. Estas tie iu korto kun grandaj muroj kovr-

*toria Tejedor.* Entonces la mujer exclamó: *¡Oh!, ¡Sí!, se trata de la misma persona; el nombre completo de mi tía es Victoria Elsa Tejedor.* Como podeis comprobar, el mundo es como un pañuelo.

**H: Sí..., pero por desgracia a menudo el pañuelo está bastante sucio. Pero volvamos a nuestro tema del Congreso. ¿Asististe al encuentro informal de la Dirección con los miembros de UEA, o a esa sesión dedicada a la problemática del movimiento esperantista en África?**

**J:** No. Creo que ese último acto del programa que mencionasteis, tuvo lugar el día en que fui de excursión, junto con mi amiga brasileña Socorro Oliveira, para visitar algunos lugares importantes de Israel. Primero estuvimos en el famoso Monte Carmelo. Después fuimos al lago Tiberíades y visitamos la ciudad de Cafarnaún, que fue centro de actividad de Jesús, y allí vimos las ruinas de una antigua sinagoga de la época del Segundo Templo. Visitamos también el lugar llamado "Tabba" donde se supone que tuvo lugar el milagro de Jesús de la multiplicación de los panes y los peces para dar de comer a 5000 personas. Después viajamos a "Jardenit", junto al río Jordán, el sitio en el que se cree que tenían lugar los bautismos de Juan. En la ciudad de "Nazaret", que visitamos después, nos enseñaron lugares que tenían relación con la vida de Jesucristo, que había vivido allí.

Tras una hora de viaje llegamos al Mar Muerto, que está situado en el punto más bajo de la superficie terrestre, unos 600 metros por debajo del nivel del mar Mediterráneo. Cerca de allí visitamos la antigua fortaleza de Masada, último reducto de la resistencia judía en la guerra contra los romanos, en el año 70 de nuestra Era.

La última visita de ese día inolvidable fue la que hicimos a la ciudad de Bet-Lehem (Belén), la ciudad del nacimiento de Jesús, y allí vimos la basílica de la Natividad que fue edificada en el lugar en el que se supone ocurrió ese nacimiento. Ahora me acuerdo de que olvidé de contar otra visita importante en Israel, concretamente, la que hice, junto con una amiga mía inglesa, a Jerusalem. Aquí tengo algunas fotografías de esa excursión. También acerca de ese viaje deseo contar una anécdota. En esa ciudad, donde hay tantas iglesias cristianas, hay un templo llamado «del PADRE NUESTRO». Está dedicado a esa oración de Jesucristo. Tiene un

itaj per kaheloj sur kiuj troviĝas skribita la teksto de la preĝo en ĉiuj lingvoj de la mondo. Kompreneble, inter tiuj tekstoj troviĝas ankaŭ en la hispana lingvo, sed por mi estis granda kaj agrabla surprizo vidi ankaŭ la tekston de la preĝo en Esperanto. Mi volis esti fotata apud tiu tabulo, kaj tiam iu alvokis min: *Julio, venu ĉi tien, estas io interesa por vi*. Kiam mi alvenis al la loko, de kie oni alvokis min, mi vidis, eĉ kun pli granda surprizo, ke estis tie ankaŭ la preĝa teksto en la Asturia lingvo. Vere, mi ne esperis ricevi ĉi tiun surprizon. Jen la fotoj de ambaŭ tekstoj de la «PATRO NIA».

patio con grandes muros cubiertos de azulejos sobre los cuales se encuentra escrito el texto de esa oración en todos los idiomas del mundo. Por supuesto, entre ellos está también el texto en español, pero para mi fue una sorpresa grande y agradable encontrar también el texto de esa oración en Esperanto. Quise que me sacaran una foto ante ese letrero, y entonces alguien me llamó: *Julio, ven aquí, hay algo interesante para ti*. Cuando llegué al lugar, de donde me habían llamado, vi, con una sorpresa mayor aún, que se encontraba allí también el texto de la oración en lengua Asturiana. De verdad que no me esperaba esta gran sorpresa. Aquí están las fotografías de ambos textos del «PADRE NUESTRO».



**H: Interese... Sed, inter la solenaj sesioj de inaŭguro kaj fermo de la Kongreso, kiujn vi ĉeestis, ĉu vi ne partoprenis en aliaj esperantistaj aktoj krom ekskursi kun viaj amikinoj?**

**H: Muy interesante... Pero, entre las sesiones solemnes de la inauguración y la clausura del Congreso, a las que asististe, ¿no participaste en otros actos esperantistas aparte de ir de excursión con tus amigas?**

**J:** Nu, jes, mi ĉeestis kunvenon organizitan de la eldonistoj de la revuo EL POPOLA ĈINIO por pritemi aferojn rilate al la enhavo kaj distribuado de tiu gazeto. Verŝajne tiutage estis neniu interesa ekskurso...

**J:** Bueno, sí, asistí a una reunión organizada por los editores de la revista EL POPOLA ĈINIO (DE LA CHINA POPULAR) para tratar sobre el contenido y distribución de esa publicación. Por lo visto ese día no había ninguna excursión interesante...

**H: Do por vi la Universalaj Kongresoj de Esperanto estas nur okazo por turismado, sen ia ajn zorgo pri la problemaro de la Esperantista Movado kaj la disvastigado de la Internacia Lingvo?**

**H: Entonces para ti los Congresos Universales de Esperanto ¿son sólo ocasión para hacer turismo, sin preocupación sobre la problemática del Movimiento Esperantista y la difusión de la Lengua Internacional?**

**J:** La afero ne estas ĝuste tia. Por turismi mi ne bezonas Esperanton kiel preteksto aŭ pravigilo. Kompreneble, ĉi tiu internacia lingvo alportas ian komunikad-facilecon kiu mankas en alitipa turismo. Sed miakaze ne estas nur tio. Mi estas esperantisto kaj tial mi tre interesiĝas pri la disvastigado kaj la sukceso de tiu ĉi solvo al la lingva problemo de la mondo. Sed rilate al mia maniero travivi la E-Kongresojn, tio sufiĉe rilatas al io, kion diris en sia prelego Humphrey Tonkin, pri kiu vi ion demandis al mi antaŭe. Mi, ja, ne ĉeestis tiun prelegon, sed mi legis ĝian tekston, publikigita en la septembra numero de la revuo ESPERANTO. Nu, io en ĝi povas klarigi pri la maniero laŭ kiu mi vivadas mian esperantismon.




**J:** La cosa no es exactamente así. Para hacer turismo no necesito el Esperanto como pretexto ni coartada. Por supuesto, este idioma internacional brinda una facilidad de comunicación que falta en otro tipo de turismo. Pero en mi caso no es sólo eso. Yo soy esperantista y como tal estoy muy interesado en la difusión y el éxito de esta solución al problema lingüístico del mundo. Pero lo que ocurre con mi manera de vivir los Congresos de Esperanto tiene bastante que ver con algo que dijo en su conferencia Humphrey Tonkin, de la que preguntasteis antes. Yo, efectivamente, no asistí a esa conferencia, pero leí el texto de la misma que fue publicado en el número de septiembre de la revista ESPERANTO. Pues bien, en ese texto hay algo que sirve de aclaración a la manera en que vivo mi esperantismo.

En sia prelego, H.Tonkin interalie diras ke kreante lingvon, Zamenhof ankaŭ kreis pensmanieron, en kiu gravis ĉefe kaj preskaŭ nure la individuo, kaj ke ĉe la koro de Esperanto troviĝas du homoj, el diversaj landoj kaj lingvoj, en konversacio neŭtrala kaj egala. Poste li aldonas ke Zamenhof multe estis antaŭ sia tempo kiel pensanto pri internacia organiziĝo, en kiu gravas la senpera komunikado inter unuopuloj. Tio estas: gravas la organizita laboro sed la Esperantista Movado devas ne esti limigata al tio sed baziĝi ankaŭ sur la senperaj interrilatoj de la unuopuloj. Tia estas mia porEsperanta agado: dum aliaj kunvenas kaj teorigas pri farota agado, mi agadas sur la realo, per interrilatado kun unuopuloj.



**H: Bone. Ni pritemu alian aferon. Nia samideano Faustino tre malkontentis pro tio ke en la Hispana E-Kongreso, kiu lin ĉeestis, estis formetitaj la flago kaj ĉiutipaj esperantistaj simboloj, kaj pro tio ke la organizintoj de tiu renkontiĝo ne konsentis enkonduki diservon en la kongresa programo. Kia estis la situacio de la Universala Kongreso tiurilate?**

**J:** En Tel-Avivo, kaj ĝenerale en ĉiuj antaŭaj Universalaj Kongresoj, kiujn mi ĉeestis, ĉio estis normala rilate al tiuj du aferoj, kiujn vi menciis. Estis esperantistaj flagoj, kaj oni kantis la himnon «La Espero». Niaj HEF-gvidantoj iome raretas pri tiuj aferoj. La esperantistaj simboloj timigas neniun. Foje iu aŭ alia landa flago povas veki malfavorajn sentojn pro diversaj kialoj, sed tia ne estas la kazo de la simboloj de Esperanto. Kaj ankaŭ rilate al la diservo estis neniu problemo. Mi ĉeestis meson por la gekatolikoj la dimanĉon 30a de Julio, kaj estis ankaŭ religiaj ceremonioj por protestantoj kaj, mi supozas, ke ankaŭ por adeptoj de aliaj religioj. Ankaŭ la ateistoj povis libere kunveni pri ilia afero. Unu karakteraĵo de la Esperantista Movado estas la toleremo, kaj tiel devus esti ankaŭ en Hispanio.



**H: Nu, nenio pli, Julio; ni dankas al vi.**

**J:** Al vi dankas mi.

En su conferencia, H.Tonkin dice entre otras cosas que creando una lengua, Zamenhof creó también una manera de pensar, en la que cuenta principal y casi exclusivamente el individuo, y que en el corazón del Esperanto se encuentran dos personas, de distintos países e idiomas, en conversación neutral e igual. Después añade que Zamenhof se adelantó mucho a su época como pensador acerca organización internacional, en la que cuenta la comunicación directa entre particulares. Es decir: importa el trabajo organizado pero el Movimiento Esperantista no debe ser limitado a eso sino que debe basarse también en las relaciones directas de los particulares. Tal es mi acción en favor del Esperanto: mientras otros se reunen y teorizan sobre las acciones a realizar, yo actúo sobre la realidad, en relaciones con particulares.

**H: Bien. Tratemos otro asunto. Nuestro colega Faustino quedó muy descontento debido a que en la Congreso Español de Esperanto, al que él asistió, se evitó el uso de la bandera y demás símbolos esperantistas, y también debido a que los organizadores de ese encuentro ne consintieron incluir un servicio religioso en el programa congresual. Cuál fue situación del Congreso Universal a ese respecto?**

**J:** En Tel-Aviv, y generalmente en todos los anteriores Congresos Universales, a los que asistí, todo fue normal en relación con esos dos asuntos que mencionasteis. Hubo banderas esperantistas, y se cantó el himno «La Espero» (La Esperanza). Nuestros dirigentes de HEF son algo rarillos sobre esos asuntos. Los símbolos esperantistas no asustan a nadie. A veces una u otra bandera nacional puede inspirar sentimientos desfavorables por diversas causas, pero no es tal el caso de los símbolos de Esperanto. Y tampoco con relación al servicio religioso hubo ningún problema. Yo asistí a una misa para los católicos el domingo 30 de Julio, y hubo también ceremonias religiosas para protestantes y, supongo, que también para adeptos de otras religiones. También los ateos pudieron reunirse libremente sobre su asunto. Una característica del Movimiento Esperantista es la tolerancia, y así debería ser también en España.

**H: Bueno, nada más, Julio; muchas gracias.**

**J:** Gracias a vosotros.

# ESPERANTO
## La lingvo de toleremo kaj ekumenismo

Kun Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof, la nepo de D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof interparolas Hanna Konopka.

**Hanna Konopka: Sinjoro Profesoro, ni interkonatiĝis antaŭ preskaŭ kvar jaroj en Parizo, kelkajn monatojn post kiam mi fariĝis prezidantino de Fondaĵo Zamenhof en Bjalistoko. Bilanco de agado de la fondaĵo en la pasintaj jaroj ŝajnas esti pozitiva...**

**Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof:** ...kio sendube estas grandparte rezulto de kreopova kaj oferema laboro de Sinjorino Prezidantino!

**HK: Tamen restas multe fari sur la kampo de popularigado de la E-ideo kaj aliaj aferoj ligitaj kun tio. Kiujn el ili vi opinias la plej gravaj?**

**LKZ-Z:** La celo de la Fondaĵo, konforme al ties statuto estas:
*... vastigi kaj apogi la agadon servantan la firmigadon de paco en la mondo kaj kompreniĝon inter la nacioj kaj homoj pro la idealoj, kiuj naskis la internacian lingvon Esperanto...*
kaj
*... krei Centron Ludoviko Zamenhof en Bjalistoko...*
*... plenumonta la funkciojn de studejo kaj promociejo de Esperanto...*
Popularigado de la lingvo ne estas specifa destino de la Fondaĵo; tiun taskon plenumas Universala Esperanto-Asocio pere de landaj E-organizaĵoj asociitaj en ĝi.

**HK: Kio estas Esperanto? Kio instigis vian avon krei la lingvon?**

**LKZ-Z:** De la Plej frua infaneco Ludoviko ZAMENHOF estis konvinkita, ke la origino de konfliktoj inter homoj, same inter individuoj kaj inter kulturaj, lingvaj, religiaj aŭ naciaj grupoj, la origino de reciproka malamo kaj malestimo devenas de tio, ke unu grupo ne komprenas aliecon de alia grupo... ZAMENHOF rigardis Esperanton kiel kompreniĝilo, ilo de interkompreniĝo, ebliganta estimon al diversaj kulturoj, diversaj kutimoj, toleremon de ideoj disvastigataj de aliaj homoj, kiuj eĉ ne devas esti subtenataj, sed kompreneblaj. Esperanto estis kreita kiel vehiklo de kompreniĝo kaj toleremo de ĉiuspeca diverseco. Fakte,

# ESPERANTO
## La lengua de tolerancia y ecumenismo

Con Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof, nieto del D-r. Ludoviko Lazaro Zamenhof conversa Hanna Konopka.

**Hanna Konopka: Señor Profesor, nosotros nos conocimos hace casi cuatro años en París, algunos meses después de ser nombrada presidenta de la Fundación Zamenhof en Bjalistok. El balance de la obra de la Fundación en los años pasados parece ser positivo...**

**Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof:** ...¡lo que sin duda es en gran parte el resultado de la labor creativa y desinteresada de la Señora Presidenta!

**HK: Sin embargo queda mucho por hacer en el campo de la popularización de la idea Esperantista y otros asuntos ligados con eso. ¿Cuál de ellos opina usted el más importante?**

**LKZ-Z:** La finalidad de la Fundación, conforme a sus estatutos es:
*... ampliar y apoyar la labor tendente a la afirmación de la paz en el mundo y comprensión entre las naciones y los hombres, a causa de los ideales de los cuales nació la lengua internacional Esperanto...*
y
*...crear el Centro Ludoviko Zamenhof en Bjalistok...*
*...el cuál cumplirá las funciones de lugar de estudio y promoción del Esperanto...*
La popularización de la lengua no es el destino específico de la Fundación; esta tarea la cumple la Asociación Universal de Esperanto por medio de organizaciones nacionales Esperantistas asociadas a ella.

**HK: ¿Qué es el Esperanto? ¿Qué impulsó a su abuelo a crear la lengua?**

**LKZ-Z:** Desde la más temprana infancia Ludoviko ZAMENHOF estaba convencido, que el origen de los conflictos entre los hombres, lo mismo entre individuos que entre culturas, lenguas, religiones o grupos nacionales, el origen del odio y desprecio recíprocos proviene de que un grupo no comprende las diferencias del otro grupo... ZAMENHOF contemplaba el Esperanto como instrumento de comprensión, de recíproca comprensión, posibilitando la estima a diversas culturas, diversas costumbres, tolerancia a las ideas extendidas por otros hombres, las cuales no es necesario sostener, sino comprender. El Esperanto fue creado como vehículo de comprensión y tolerancia de toda clase de diversidad. De hecho, la diversidad cultural es una de las más valiosas riquezas de

kultura diverseco estas unu el plej valoraj riĉaĵoj de la homaro; ni devas zorgi pri konservado de tiu diverseco spite danĝerajn, unuecigajn tendecojn, gvidantaj al konataj, cetere dramaj rezultoj.

**HK: Certe la kreinto de la nova lingvo popularigis ĝin precipe inter la proksimuloj. Ĉu en la hejmo de D-ro Ludoviko Zamenhof oni parolis Esperanton?**

**LKZ-Z:** Kompreneble, ke ne! Tutcerte tio ne okazis ĉiutage. Cetere, tio rekte kolizius kun la celo, al kiu la lingvo devus servi: ne okupi lokon de ekzistantaj lingvoj, eĉ lingvoj de plej malgrandaj naciaj grupoj, sed servi al kompreniĝo inter diverslingvanoj!

**HK: Kiel komenciĝis via aventuro kun Esperanto? Kiu instruis vin la lingvon?**

**LKZ-Z:** Kiel malgranda knabo mi ekdeziris akompani miajn gepatrojn dum eksterlandaj vojaĝoj al internaciaj E-Kongresoj. Oni metis al mi la kondiĉon: se vi deziras vojaĝi al E-kongresoj, vi devas scipovi paroli Esperanton! Mi akceptis la kondiĉon; mi ellernis la lingvon, aŭ almenaŭ ties bazajn regulojn, dum kelkaj semajnoj kaj jen en aŭgusto 1934 mi troviĝis sur ferdeko de la ŝipo WARSZAWA eknaviganta de Gdynia al Ŝtokholmo...

**HK: Vi naskiĝis ok jarojn post la morto de via avo, Ludoviko Zamenhof. Ĉu viaj familianoj ofte rememoris lin? Kio estis viaj gepatroj?**

**LKZ-Z:** Ambaŭ miaj gepatroj estis kuracistoj kaj same kiel la avo ili estis geokulistoj. Mi pasis mian infanaĝon en serena kaj familia atmosfero, en la loĝejo, kiu antaŭe, dum lastaj jaroj de lia vivo, estis loĝejo de mia avo. La patro laboris en la antaŭa kabineto de la avo, preskaŭ nenion ŝanĝante en ĝi, la tuta domo estis plena da memoraĵoj. Mi, probable por mia 10-a naskiĝdatreveno, kaj eble eĉ pli frue, heredis la imponan kolekton de poŝtmarkoj, (la avo korespondis kun la tuta mondo), kiu estis mia fiero kaj fonto de mia supereco sur la kampo de historio kaj geografio! Se temas pri aliaj memoraĵoj, la plej grandan vekis ĉe mi la vitroŝranko en la salono, kie sub vitro, mi povis admiri interalie la francan ordenon de la Honora Legio, la hispanan ordenon de Izabela Katolika, kaj ankaŭ prove stampitaj moneroj "spesmilo", kiuj, laŭ mia avo, estis servontaj kiel internacia mono jam komence de la jarcento!.

**HK: Kio estas fonto de via nomo: Zaleski?**

**LKZ-Z:** Jam en la unuaj tagoj de la germana okupacio, komence de oktobro 1939, ĉiuj niaj familianoj portantaj la nomon ZAMENHOF, tio estas mia patro,

la humanidad; debemos cuidar de la conservación de esa diversidad a despecho de peligrosas tendencias unificadoras que conducen a conocidos y por otra parte dramáticos resultados.

**HK: Ciertamente el creador del nuevo idioma lo popularizó principalmente entre los más próximos. ¿En el hogar del Dr. Ludoviko Zamenhof se hablaba Esperanto?**

**LKZ-Z:** ¡Naturalmente que no! Seguro que eso no ocurría cada día. Además eso iría directamente contra el objetivo, al que la lengua debería servir: no ocupar el lugar de las lenguas existentes, ni aún el de los más pequeños grupos nacionales, sino servir a la comprensión entre los hablantes de diversas lenguas.

**HK: ¿Cómo empezó su aventura con el Esperanto? ¿Quién le instruyó a usted la lengua?**

**LKZ-Z:** Cuando era un muchacho pequeño, quise acompañar a mis padres en los viajes al extranjero con motivo de los Congresos Internacionales de Esperanto. Se me puso la condición: ¡si quieres viajar a los Congresos de Esperanto, debes saber hablar Esperanto! Yo acepté la condición; empecé a aprender la lengua, o al menos sus reglas básicas, durante algunas semanas, y he aquí, en agosto de 1934 me encontraba sobre la cubierta del buque WARSZAWA navegando de Gdynia a Estocolmo...

**HK: Vd nació ocho años después de la muerte de su abuelo, Ludoviko Zamenhof. ¿Se acordaban frecuentemente de él sus familiares? ¿Qué fueron sus padres?**

**LKZ-Z:** Mis padres fueron médicos e igual que el abuelo fueron oculistas. Yo pasé mi infancia en una atmósfera serena y familiar, en la casa que anteriormente, durante los últimos años de su vida, fue la casa de mi abuelo. Mi padre trabajó en el que fue gabinete del abuelo, cambiando casi nada en él, toda la casa estaba llena de recuerdos. Yo, probablemente por mi 10º cumpleaños o posiblemente más temprano, heredé la imponente colección de sellos, (el abuelo tenía correspondencia con todo el mundo), ¡la cuál fue mi orgullo y fuente de mi superioridad en el campo de la historia y la geografía! Si se trata acerca de otros recuerdos, el más grande lo despertó en mí el armario de cristal del salón, donde bajo un cristal pude admirar entre otras; la orden francesa de la Legión de Honor, la orden española de Isabel La Católica, y también pruebas troqueladas de monedas "spesmilo", las cuales, según mi abuelo, ¡iban a servir como moneda internacional a comienzos del siglo!

**HK: ¿Cuál es el origen de su nombre: Zaleski?**

**LKZ-Z:** Ya en los primeros días de la ocupación alemana, a comienzos de octubre de 1939, todos mis familiares que llevaban el nombre ZAMENHOF, esto es; mi padre, mi madre

mia patrino kaj ankaŭ ambaŭ fratinoj de mia patro: Zofia kaj Lidia, estis malliberigitaj. Mi mem evitis malliberigon nur "pro eraro". Post kelkaj monatoj, en januaro 1940, mia patro estis mortpafita en Palmiry... Do ŝajnis al mi prudenta akcepti (elpensi) alian familinomon; sub tiu nova nomo ni travivis plimulton de militjaroj, mi agis en rezista movado, mi amikiĝis kun multaj homoj... Dum jaroj efektive mi estis Kristoforo ZALESKI. Ĉar tamen en la fundo de la koro mi restis Ludoviko ZAMENHOF, do baldaŭ post finiĝo de la milito, mi legalizis mian duoblan nomon.

**HK: Jam kiel infano vi partoprenis en la monda E-movado. Kiel vi rememoras tiun tempon?**

**LKZ-Z:** Mi rememoras belajn vojaĝojn, kiuj tiam malofte eblis por miaj samaĝuloj; mi vizitis Svedion, Italion, Aŭstrion, Hungarion, Jugoslavion... Por la dekjara (sufiĉe putra) knabo estis mirige vojaĝi sur Mediteraneo: Neapolo-Tripoli-Palermo-Genovo; mi rajdis sur kamelo en la Libia Dezerto; ĉie bonvenigata kiel "eta princo".

**HK: Ĉu dum la milito kaj okupacio E-movado iamaniere agis?**

**LKZ-Z:** Esperanto-asocioj en Okcidento organizis moralan kaj materialan helpon por "fratoj havantaj bezonojn" sur okupitaj terenoj; tio okazis pere de neŭtralaj landoj: Svedio kaj Svislando.

**HK: Esperanto, konata verŝajne en ĉiuj landoj post la Dua Mondmilito ŝajnis precipe popular en socialismaj landoj, ĝi estis specifa "fenestro rigardanta la mondon".**
**Kio ŝanĝiĝis tiurilate en la 1990-aj jaroj?**

**LKZ-Z:** Efektive, en la muroj, kiujn "la malvarma milito" konstruis inter nacioj, Esperanto estis fenestreto, kiu ebligis al loĝantoj ĉe la orienta flanko laŭeble libere kontakti Okcidenton, tiuj kontaktoj estis ununuraj inter maloftaj aliaj, kiujn oni rigardis kiel relative "senkulpaj". La E-himno "La ESPERO"



*Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof, nepo de la Majstro, Hanna Konopka, Prezidantino de la Fondaĵo ESPERANTO, kaj Teodor Konopka, elstara esperantisto el Wroclaw.*

y también ambas hermanas de mi padre: Zofia y Lidia fueron encarcelados. Yo mismo evité la cárcel solamente "por error". Después de algunos meses, en enero de 1940, mi padre fue fusilado en Palmiry... Por consiguiente, me pareció prudente aceptar (inventar) otro apellido; bajo ese nuevo nombre nosotros pasamos la mayoría de los años de guerra, yo colaboré en el movimiento de resistencia e hice amistad con muchas personas... Durante años efectivamente fui Kristoforo ZALESKI. Pero ya que en el fondo de mi corazón seguí siendo Ludoviko ZAMENHOF, pues inmediatamente después del final de la guerra, yo legalicé mi doble nombre.

**HK: Ya como niño usted participó en el Movimiento Esperantista. ¿Cómo recuerda usted ese tiempo?**

**LKZ-Z:** Recuerdo bellos viajes, que entonces rara vez eran posibles para los de mi edad: visité Suecia, Italia, Austria, Hungría, Yugoslavia... Para el muchacho de 10 años (bastante consentido) era maravilloso viajar por el Mediterráneo; Nápoles-Trípoli-Palermo-Génova; yo cabalgué en camello por el desierto de Libia; en todas los sitios fui bien recibido, como "un pequeño príncipe".

**HK: Durante la guerra y ocupación, ¿el Movimiento Esperantista actuó de alguna manera?**

**LKZ-Z:** Las asociaciones Esperantistas en Occidente organizaron ayuda moral y material para los "hermanos necesitados de ayuda" sobre terrenos ocupados, eso tuvo lugar por medio de países neutrales: Suecia y Suiza.

**HK: El Esperanto, conocido al parecer en todos los países, después de la Segunda Guerra Mundial parece principalmente popular en países socialistas, ello fue una específica "ventana contemplando al mundo".**
**¿Qué cambió a este respecto en los años 1990?**

**LKZ-Z:** Efectivamente, en los muros, que "la guerra fría" construyó entre naciones, el Esperanto fue una ventanita, que hizo posible a los habitantes del lado oriental, en lo posible, contactar libremente con Occidente, esos contactos fueron únicos entre otros infrecuentes, que se contemplaron como relativamente "inocentes". El himno de Esperanto "La Es-

vokas la homaron faligi "murojn de miljaroj". Paradokse, la muroj falis kune kun ties fenestroj, kiuj plu ne estis bezonataj; ĉiuspecaj interhomaj kontaktoj plifaciliĝis, ne necese pere de Esperanto. Eĉ se, en tiuj kondiĉoj, E-movado en la landoj el malantaŭ la antaŭa muro iom kvietiĝis, tutcerte neniu prudente pensanta esperantisto ploras pro tio. Ja Esperanto ne estis kreita kiel la fina celo, sed kiel kompreniĝilo; - Esperanto ne estas komerca marko, kiu devus batali kontraŭ konkurencaj markoj, konkurante por atingi la samajn rezultojn..

**HK: En la epoko de kreskanta rolo de la angla lingvo en la mondo, fariĝanta pli kaj pli la universala internacia lingvo, kion vi pensas pri estonteco de Esperanto?**

**LKZ-Z:** Mia lasta frazo verŝajne jam respondas vian demandon. Mi deziras nur aldoni kelkajn vortojn, kiujn mi aŭdis, antaŭ kelkaj jaroj, dum gazetara konferenco verŝajne en Tokio, diritaj de iu japana lingvisto:

*... efektive, angle, aŭ hispane, homoj interkompreniĝas, sed pere de Esperanto - interamikiĝas...*

Sendube tiu diraĵo estas iomete vera; kaŭzas tion la fakto, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed vehiklo de la komuna ideo por interparolantoj. Krome, kiel neŭtrala lingvo, Esperanto egaligas interparolantojn, ne permesante superi por la flanko, por kiu uzata lingvo kiel internacia estas gepatra lingvo. Ĉe alia okazo mi rakontos, kiel mia troiga fido pri scipovo de la angla lingvo de miaj interparolantoj kelkfoje igis malagrablajn miskomprenojn en miaj profesiaj kontaktoj...

**HK: Esperanto -kiel vi menciis- estis kreita kiel la esprimo de penado por homoj de diversaj nacioj, religioj kaj gepatraj lingvoj povis pace kunvivi, ĝi estis kreita kiel la esprimo de kredo je reala toleremo. Vi iniciatis interalie la ideon de Medalo de Toleremo, kiun realigas Fondaĵo Zamenhof. La Kapitulo de la Medalo atribuis ĝin al la papo Johano Paŭlo la Dua. Kial?**

**LKZ-Z:** La unua Medalo de Toleremo estos enmanigita al la papo por honorigi liajn noblajn agojn sur la kampo de ekumenismo. Ja ekumenismo estas la esprimo de religia toleremo, esprimo de respekto fare de la Romkatolika Eklezio al aliaj religioj. La medalo estos enmanigita al Johano Paŭlo la Dua ĉe la finiĝo de la ekumena liturgio de vorto, ĉe la finiĝo de la meso, kiu estos celebrita samtempe sur sep altaroj de sep religioj. Permesu al mi mencii, ke jam antaŭ preskaŭ cent jaroj ZAMENHOF diris en sia "Preĝo sub la verda standardo", ke

*... Kristanoj, hebreoj kaj mahometanoj*

pero" llama a la humanidad a derribar "muros milenarios". Paradójicamente, los muros cayeron junto con sus ventanas, que nunca más fueron necesarias; toda clase de contactos recíprocos se hicieron más fáciles, no necesariamente por medio del Esperanto. Incluso hasta en esas condiciones, el movimiento Esperantista en los países de detrás del anterior muro algo se apaciguaron, ciertamente ningún esperantista, pensando prudentemente, llora por eso. En verdad el Esperanto no fue creado como el objetivo final, sino como instrumento de comprensión; el Esperanto no es una marca comercial que deba luchar contra marcas rivales, compitiendo para alcanzar los mismos resultados.

**HK: En la época del creciente papel de la lengua inglesa en el mundo, haciéndose más y más lengua internacional universal, ¿qué piensa usted acerca del futuro del Esperanto?**

**LKZ-Z:** Mi última frase, probablemente, ya responde su pregunta. Deseo sólo añadir algunas palabras que oí hace algunos años durante una conferencia de prensa, probablemente en Tokio, dichas por un lingüista japonés:

*... efectivamente, en inglés o en español las personas se comprenden, pero por medio del Esperanto se relacionan amistosamente...*

Sin duda ese dicho es un poquito veraz; eso lo causa el hecho, que Esperanto es no solo una lengua, sino un vehículo de la idea común para interlocutores. Además, como lengua neutral, el Esperanto iguala a los interlocutores no permitiendo ser superior al flanco, cuya lengua usada como internacional, es la lengua materna. En otra ocasión contaré, como mi excesiva fe acerca del conocimiento de la lengua inglesa de mis interlocutores, algunas veces causaron desagradables incomprensiones en mis contactos profesionales....

**HK: El Esperanto -como usted mencionó- fue creado como la expresión del continuo esfuerzo de hombres de diversas naciones, religiones y lenguas maternas para poder convivir pacíficamente, fue creado como la expresión de creencia en una tolerancia real. Usted inició, entre otras, la idea de la Medalla de la Tolerancia, que hace realidad la Fundación Zamenhof. La Junta de la Medalla la concedió al Papa Juan Pablo II. ¿Porqué?.**

**LKZ-Z:** La primera Medalla de la Tolerancia será entregada en mano al Papa para honrar sus nobles acciones en el campo del ecumenismo. En verdad el ecumenismo es la expresión de la tolerancia religiosa, expresión de respeto de la Iglesia Católica Romana hacia otras religiones. La Medalla será entregada en mano a Juan Pablo II al final de la liturgia ecuménica de la palabra, al final de la misa, que será celebrada a la vez en siete altares, de siete religiones. Permítaseme mencionar que ya hace casi cien años ZAMENHOF dijo en su "Oración bajo el estandarte verde" que:

*Ni ĉiuj de Di' estas filoj...*
Kaj jen dum la pontifikeco de Johano Paŭlo la Dua, judoj fariĝis "pli aĝaj fratoj de kristanoj", kaj Esperanto, la lingvo de frateco, sonas ĉiujare dum *"Urbi et Orbi"* sur la Placo de Sankta Petro.

**HK: Konkorda kunvivado de diversnacianoj, diversreligianoj kaj diverslingvanoj, toleremo, ekumenismo - kiel tiuj terminoj rilatas al nia nuntempa realeco - la mondo, en kiu estas ankoraŭ tiom da konfliktoj, malamo, malbono kaj militoj?**

**LKZ-Z:** Des pli tiuj terminoj restas plu aktualaj.

**HK: Vi ofte vizitas Bjalistokon. Kiam unuafoje vi vizitis la naskiĝurbon de via granda avo?**

**LKZ-Z:** Tiam mi estis malgranda knabo; mi ne memoras la jaron, sed mi memoras mian kortuŝon, kiam mi vizitis la domon, en kiu mia avo kiel malgranda knabo same kiel mi iam kuradis... Post multaj jaroj mi eksciis, ke la domo, kiu estis kvazaŭ la historia monumento de la urbo kaj ne nur de la urbo, transdaŭrinte la militon kaj du okupaciojn, estis detruita en la 1950-aj jaroj laŭ la ordono de tiutempaj aŭtoritatoj, la ordono estis verŝajne pli nepripensita ol intencita. Mi ĝojas, ke nuntempaj urboaŭtoritatoj de Bjalistoko decidis rekonstrui la domon por ĝi fariĝu la simbolo de la E-lulilo.


*La naskiĝdomo de Ludoviko Zamenhof ĉe la strato Zielona (verda) en Bjalistoko*

**HK: Ĉu la fakto, ke vi estas la nepo de Ludoviko Zamenhof, la mondfamulo, helpis aŭ malhelpis en via vivo?**

**LKZ-Z:** Tio sendube donis al mi momentojn de fiero kaj ĝojo, kvankam ĉiutage tio prefere malhelpis al mi. Ankoraŭ kiel knabo, mi malŝatis senĉesajn demandojn de fremdaj homoj similaj al: "Ĉu vi estas parenco de "tiu" ZAMENHOF?". Tiam mi sentis min kiel "pen trita birdo". Kaj poste, en la aĝo de 14 jaroj, mi perdis mian patron, ĉar li estis ZAMENHOF. Dum mul-

*...Cristianos, hebreos y mahometanos*
*Nosotros todos de Dios somos hijos...*

Y he aquí que durante el pontificado de Juan Pablo II, los judíos se hicieron los "hermanos mayores de los cristianos". Y el Esperanto, la lengua de la fraternidad, suena anualmente durante el *"Urbi et Orbi"* en la Plaza de San Pedro.

**HK: Convivencia en concordia de personas de diversas nacionalidades, religiones y lenguas, tolerancia, ecumenismo ¿cómo se relacionan esos términos con nuestra realidad, el mundo, en el cual hay aún tantos conflictos, odios, males y guerras?**

**LKZ-Z:** Tanto más esos términos permanecen más actuales.

**HK: Vd visita a menudo Bjalistok. ¿Cuándo visitó Vd por primera vez la ciudad de nacimiento de su "gran" abuelo?**

**LKZ-Z:** Entonces yo era un muchacho pequeño, no recuerdo el año, pero me acuerdo de mi conmoción cuando visité la casa en la cual mi abuelo, cuando era un muchacho pequeño igual que yo, alguna vez corrió... Después de muchos años supe que la casa, que fue como el monumento histórico de la ciudad y no sólo de la ciudad, habiendo atravesado la guerra y dos ocupaciones, fue destruída en 1950 por orden de las autoridades de aquel tiempo, la orden fue, al parecer, más irreflexiva que intencionada. Me alegra que las actuales autoridades de Bjalistok decidieran reconstruir la casa para hacerla el símbolo de la cuna del Esperanto.

**HK: El hecho de que usted es el nieto de Ludoviko Zamenhof, el mundialmente famoso, ¿ayudó o estorbó en su vida?**

**LKZ-Z:** Eso sin duda me dió momentos de orgullo y alegría, aunque a diario eso principalmente me estorbó. Cuando aún era muchacho aborrecía las incesantes preguntas de personas extranjeras por el estilo de: "¿eres pariente de 'ese' ZAMENHOF". Entonces me sentía como un "bicho raro". Después, a la edad de 14 años perdí a mi padre, porque era un ZAMENHOF. Durante muchos años siguientes me esforcé por

taj sekvaj jaroj mi penis vivi "kaŝita"; tio ne sukcesis; mi estis "retrovita" por festi la 100-an datrevenon de Esperanto kaj "venigita" al Varsovio (kaj Bjalistoko) por la Jubilea Kongreso en 1987.

**HK: Sinjoro Profesoro, ĉu la pranepoj de Ludoviko Zamenhof konas Esperanton? Ĉu en laŭvicaj generacioj de la kreinto de la lingvo transdaŭros ties kono?**

**LKZ-Z:** Mi ne ŝatas ĉi-specajn esprimojn. Esperanto apartenas al la tuta mondo; ĝi estas neniugrade "propraĵo" de la familio. La pranepoj (fakte la pranepinoj) kaj prapranepoj de ZAMENHOF lernos aŭ ne lernos la lingvon, laŭ ilia deziro, kiel ĉiu alia junulo, kaj ne pro familiaj interligoj.

**HK: Ludoviko Zamenhof estas tutcerte la plej konata bjalistokano en la mondo. Kiel granda estas lia nuntempa popolareco kaj kiuj simptomoj povas atesti pri tio?**

**LKZ-Z:** Sufiĉas mencii pli ol unu mil monumentoj, placoj kaj stratoj je la nomo de Zamenhof, kiuj troviĝas sur la tuta planedo...

**HK: Ni revenu al E-aferoj en Bjalistoko. La nomon de via avo portas nia Fondaĵo, Porinfana Klinika Hospitalo kaj Elementa Lernejo n-ro 23. En la urbocentro proksime al la Zamenhof-strato troviĝas obelisko kun lia busto. Ni kalkulas je plua kultivado de la nomo de Ludoviko Zamenhof en nia urbo.**

**LKZ-Z:** La Elementa Lernejo n-ro 23 devus esti, kiel mi komprenis, likvidita pro demografiaj ŝanĝoj en la urbo. En ties ĝisnuna konstruaĵo oni planas fondi Katolikan Liceon, kiu, kiel certigis nin Lia Ekscelenco Pastro Arkiepiskopo Stanislaw SZYMECKI, gi plu portos la nomon de ZAMENHOF. Tio estos la bela ekzemplo de ekumenismo, kiun donos al la mondo la urbo BJALISTOKO.

**HK: Koran dankon pro la interparolo.**



vivir "oculto", eso no tuvo éxito: fui "reencontrado" para festejar el 100º aniversario del Esperanto y "hecho venir" a Varsovia (y Bjalistok) para el Congreso Jubilar de 1987.

**HK: Señor Profesor, ¿los biznietos de Ludoviko Zamenhof conocen el Esperanto? ¿En las siguientes generaciones del creador de la lengua continuará su conocimiento?**

**LKZ-Z:** No me agradan las expresiones de esta clase. El Esperanto pertenece a todo el mundo. No es en ningún grado "propiedad" de la familia. Los biznietos (de hecho las biznietas) y tataranietos de ZAMENHOF aprenderán o no aprenderán la lengua, según sus deseos como cualquier otro joven, y no por relaciones familiares.

**HK: Ludoviko Zamenhof es, con toda seguridad, el más conocido "bjalistokano" del mundo. ¿Cómo es de grande actualmente su popularidad y qué signos puede atestiguar acerca de eso?**

**LKZ-Z:** Es suficiente mencionar los más de mil monumentos, plazas y calles con el nombre de ZAMENHOF, que se encuentran sobre todo el planeta...

**HK: Regresemos a los asuntos Esperantistas en Bjalistok. El nombre de su abuelo lo llevan nuestra Fundación, la Clínica Hospital Infantil y la Escuela Elemental nº 23. En el centro de la ciudad próximo a la calle Zamenhof se encuentra un obelisco con su busto. Pensamos seguir promocionando el nombre de Ludoviko Zamenhof en nuestra ciudad...**

**LKZ-Z:** La Escuela Elemental nº 23 va a ser, según tengo entendido, liquidada a causa de los cambios demográficos en la ciudad. En su lugar se proyecta fundar un Liceo Católico, que como nos aseguró Su Excelencia el Arzobispo, Padre Stanisław SZYMECKI, llevará el nombre de ZAMENHOF. Ese será el bello ejemplo de ecumenismo que dará al mundo la ciudad de BJALISTOK.

**HK: ¡Gracias de todo corazón por la conversación!**

*Tradujo al español: Santiago Mulas*

# Kongresa temo

## Kia kulturo? Kia paco? Kia lingvo?




# Tema Congresual

## ¿Qué cultura? ¿Qué paz? Qué lengua?

### *Prelego de Humphrey Tonkin*

Kiel unua prezento de la kongresa temo, "Lingvo kaj kulturo de paco", Humphrey Tonkin eldiris jenan prelegon:

La tuta nocio ke unuopuloj povu organizigi por agadi internacie havas relative mallongan historion. Fakte, la Esperanto-movado estis unu el la unuaj tiaj paŝoj. Kvankam ja ekzistis interŝtataj aliancoj pli frue, nur en la dua duono de la 19-a jc. okazis iom sistemaj klopodoj krei internacian kunlaboron ĉirkaŭ internaciaj sistemoj - unue pri transporto kaj komunikado. Ĉiuj ĉi bazigis sur la nocio ke la diversaj ŝtatoj, aŭ formalaj organizaĵoj ene de la ŝtatoj, inter si starigu kunlaboron. Sed ĉe Esperanto, individuoj faris kontakton kun individuoj en aliaj landoj simple por interkomunikiĝi kaj por ekkrei komunan grundon. De la komenco, Esperanto formis internacian kulturon, analogan al naciaj kulturoj, kaj serĉis inter la homoj komunajn valorojn. Ĝi estis profunde revolucia, kaj profunde minaca al la ekzistanta monda ordo.

Zamenhof mem rezistis la ideon ke oni formu formalajn organizaĵojn de esperantistoj, parte ĉar li estis rezista al la nocio de nur unu plia organiza strukturo, en kiu unu landa asocio traktas kun alia landa asocio kaj la individueco de unuopa persono iel perdiĝas en burokratio, kaj parte ĉar li ne deziris altiri sur sian lingvon la nedeziratan atenton de la instancoj.

Starigante sian lingvon, Zamenhof elektis la vojon de lingvo aposteriora, ne nur ĉar aliaj kreantoj de internaciaj lingvoj same agis en tiu epoko, sed ĉar li volis krei semantikan sistemon samtempe kun la leksika sistemo. La decido uzi la ĉefajn lingvojn de Eŭropo por la nova lingvo ebligis al Zamenhof transpreni la bazan semantikan sistemon de tiuj lingvoj. Tio donis malavantaĝon al neeŭropanoj, sed avantagon enorme grandan al Esperanto: arte-

### *Conferencia de* ***Humphrey Tonkin***

Como primera presentación del tema congresual, "Lengua y cultura de paz", Humphrey Tonkin pronunció la siguiente conferencia:

Toda la noción de que los individuos particulares se puedan organizar para actuar internacionalmente tiene una historia relativamente corta. De hecho, el movimiento del Esperanto es uno de los primeros pasos en ese sentido. Aunque ciertamente existieron alianzas interestatales primero, sólo en la segunda mitad del siglo XIX tuvieron lugar intentos algo sistemáticos de crear una colaboración internacional en torno a sistemas internacionales - primero sobre transporte y comunicaciones. Todos estos se basaban sobre la noción de que los diversos Estados, u organizaciones formales dentro de los Estados, establecieran colaboración entre sí. Pero en el Esperanto, unos individuos contactaron con otros individuos de otros países simplemente para intercomunicarse y preparar un terreno común. Desde el principio, el Esperanto formó una cultura internacional, análoga a las culturas nacionales, y buscó valores comunes entre las personas. Fue profundamente revolucionario, y profundamente amenazador del orden mundial existente.

Zamenhof mismo se resistió a la idea de que se formasen organizaciones formales de esperantistas, en parte ya que él se resistía a la noción de sólo una estructura organizativa más, en la cual una asociación nacional trata con otra asociación nacional y la individualidad de cada persona de alguna manera se pierde en la burocracia, y en parte ya que él no deseaba atraer sobre su idioma la atención no deseada de los poderes.

Habiendo establecido su idioma, Zamenhof eligió el camino de lengua aposteriori, no sólo por que otros creadores de lenguas internacionales actuaron igual en esa época, sino por que quería crear un sistema semántico a la vez que el sistema léxicográfico. La decisión de usar las principales lenguas de Europa para la nueva lengua posibilitó a Zamenhof tomar el sistema semántico básico de esas len-

faritan kulturan historion. Helpate de unika gramatika sistemo, iom konata semantika sistemo kaj komuna lingva historio (semantiko dependas de lingva historio: eĉ oni povus diri ke semantiko estas la historio de signifo), la unuaj parolantoj de Esperanto havis je sia dispono fundamentajn elementojn de komuna kulturo.
Turnante sin al hilelismo kaj homaranismo, Zamenhof klopodis iri pli profunden en la homa psiko. Se religio tiel fortas en la homa menso, ĉu ne eblus kunigi la ĉefajn komunajn elementojn en la religioj, ne por krei unu plian, sed por doni komunan spiritan bazon al la diversaj religioj? Homaranismo estis do plia paŝo laŭ la direkto de komuna kulturo.
Tiaj revoluciaj, eĉ utopiaj ideoj ne tiel plaĉis al la praktikaj francaj mezklasanoj, kiuj vidis en Esperanto ŝlosilon al internacia komerco kaj scienca kunlaboro. La fendo inter la mistikismo de Zamenhof kaj la praktikismo de Couturat kaj de Beaufront do montriĝis netranspontebla, kaj tiuj ideoj de d-ro Esperanto kiuj estis vere novaj, iel disipiĝis en la ordinaron de la Esperanto-movado kiu ekestis en postaj jaroj.
Kreante lingvon, do, Zamenhof ankaŭ kreis pensmanieron, en kiu gravis ĉefe (preskaŭ nure) la individuo: ĉe la kerno, ĉe la koro de Esperanto troviĝas du homoj, el diversaj landoj kaj lingvoj, en konversacio neŭtrala kaj egala.
Ĉio alia estas nur margena. Kaj notu ke mi parolas pri konversacio: ne sufiĉas paroli Esperanton, oni devas ankaŭ povi aŭskulti ĝin.

### Esperanto celas krei kulturon de paco

Zamenhof estis 20 aŭ 30 jarojn antaŭ sia tempo kiel pensanto pri lingvistiko, sed 100 jarojn antaŭ sia tempo kiel pensanto pri internacia organiziĝo. Hodiaŭ la Tuta Tera Teksaĵo kreas porokazajn organizajn strukturojn kaj senperan komunikadon inter unuopuloj tiaspecajn kiajn Zamenhof iam imagis. Tamen, la ĉefa lingvo de TTT estas la angla lingvo. Ĝi fariĝis la ĉefa rimedo por disvastigi tiun pacan kulturon en kiu la interkomercado kaj la kreo de mondaj merkatoj fariĝis garantio de la paco. La angla estas la lingvo de la internacia elito, kiu profitas el tiu paca komerca kulturo. Kompreneble, la paca kulturo de Anglalingvio ja alportis amasajn avantaĝojn, sed ĝi havas du grandajn malavantaĝojn. Unue, ĝi pli kaj pli homogenigas la homojn. Normoj pri familia vivo, eduko de infanoj, praktikoj en la labormedio, manieroj util-

guas. Eso supuso una desventaja para los no europeos, pero una gran ventaja para el Esperanto: una historia cultural artificial. Con la ayuda de un único sistema gramatical, un sistema semántico algo conocido y una historia lingüística común (la semántica depende de la historia de la lengua: incluso se podría decir que la semántica es la historia del significado), los primeros Esperanto-parlantes tenían a su disposición elementos fundamentales de una cultura común.
Volviéndose hacia el hilelismo y el humanitarismo, Zamenhof procuró profundizar más en la psique humana. Si la religión es tan fuerte en la mente humana, ¿no sería posible juntar los principales elementos comunes de las religiones, no para crear una más, sino para proporcionar una base espiritual común a las diversas religiones? El humanitarismo fue pues el segundo paso en la dirección de una cultura común.
Tales ideas revolucionarias, incluso utópicas no gustaron tanto al los prácticos franceses de la clase media, que veían en el Esperanto una llave para el comercio internacional y la colaboración científica. La fisura entre el misticismo de Zamenhof y el practicismo de Couturat y Beaufront se evidenció insuperable, y esas ideas del doctor Esperanto que eran verdaderamente nuevas, de alguna manera se disiparon en lo ordinario del Movimiento Esperantista que se formó en los siguientes años.
Al crear un idioma, pues, Zamenhof creó también una forma de pensar, en la que importa principalmente (casi solamente) el individuo: en el núcleo, en el corazón del Esperanto se hallan dos hombres, de diversos países y lenguas, en conversación neutral e igual.
Todo lo demás es sólo marginal. Y nótese que estoy hablando de conversación: no basta hablar en Esperanto, también se debe poder escucharlo.

### El Esperanto pretende crear una culturan de paz

Zamenhof estaba 20 o 30 años por delante de su época como pensador sobre lingüística, pero estaba 100 años por delante de su época como pensador sobre organización internacional. Hoy el **Tejido Terrestre Total** (TTT) crea estructuras organizativas coyunturales y comunicación directa entre los particulares en la forma que había concebido Zamenhof. Sin embargo, la lengua principal de la TTT es el inglés. Éste se hizo el principal instrumento para difundir esa cultura de paz en la que la comercialización y la creación de mercados mundiales se hizo garantía de la paz. El inglés es la lengua de la élite internacional, que se beneficia de esa cultura comercial pacífica. Por supuesto, la cultura de paz de la comunidad angloparlante ciertamente aportó grandes ventajas, pero tiene dos grandes desventajas. Primero, que homogeniza cada vez más a los hombres. Normas de vida familiar, educación infantil, prác-

igi sian liberan tempon - ĉio ĉi pli kaj pli samiĝas tra la mondo, kreante elitan kulturon tiel fortan kiel la diversaj etnaj kulturoj. Farante tion (kaj jen mia dua punkto), Anglalingvio kvazaŭ forŝtelas la gvidajn talentojn de la unuopaj kulturoj kaj pligrandigas la fendon inter tiuj kiuj havas, kaj tiuj kiuj ne havas.

## Alternativo al homogenigo

Esperanto konsistigas alternativan kulturon, kiu havas certajn signifajn avantaĝoin. Unue, ĝi ne dépendas de ekonomiaj faktoroj je sama grado kiel la angla. Kontraŭ la homogenigo, kiu estas kvazaŭ natura akompananto de la t.n. tutmondiĝo, ĝi potenciale povas ŝirmi la diversecon de la kulturoj. Anstataŭ proteste akcepti la dominadon de la angla lingvo, indus ke la neanglalingvaj kulturoj trovu komunan rimedon - nome Esperanton - por doni voĉon al siaj kulturoj kaj por prezenti alternativon al la angla lingvo, tian alternativon al kiu, en ĝustaj cirkonstancoj, estus morale malfacile rezisti eĉ por anglalingvanoj. Tra la mondo nuntempe mortas lingvoj je granda rapideco; ofte mortas kun ili ankaŭ kulturoj. Iasence la perdo de lingvoj paralelas la perdon de biologiaj specioj: la rezulto estas mondo malpli preta fronti la nekonatan estontecon, ĉar malpli riĉa je alternativoj. Indas do trovi metodojn konservi kaj ŝirmi nian diversecon.

Kulturo de paco ne necesigas ke ni ĉiuj pensu same, sed ke ni ĉiuj respektu niajn diferencojn. Ni sukcesas plejparte evoluigi niain rilatojn en la familio aŭ en niaj propraj komunumoj kun kompreno kaj sen perforto. La defio antaŭ ni estas fari samon je tutmonda nivelo.

Kreo de kulturo de paco necesigas akcepton de malsameco, de diferenco, sen la tento simple forfroti tiujn diferencojn. Kiel kredantoj je la valoro de komuna lingvo, ni en multaj kazoj uzas tiun lingvon por transponti malsimilecojn kaj por kompreni ilin. Sen diferencoj, do en mondo sameca, eventuale tiun ponton ni ne bezonus sed tiam mankus ankaŭ la riveroj en kiuj la potenco de la kultura diverseco fluas, kaj per kiuj la floroj kaj arboj de tiuj kulturoj estas nutrataj.

Dua avantaĝo de Esperanto estas ke ĝi ebligas multe pli profundan ekkonon de aliaj homoj kontraŭ simila elspezo de energio kaj tempo (la spiritaj profitoj de utiligo de Esperanto estas tre altaj). Oni povas multon atingi per Esperanto sen granda investo. Indas aldoni ke Esperanto estas genia eltrovaĵo, kiu havas pli da elementoj komunaj al

ticas en el medio laboral, maneras de utilizar el tiempo libre - todo esto cada vez más se homologa en el mundo, creando una élite cultural tan fuerte como las diversas culturas étnicas. Haciendo eso (y he aquí mi segundo punto), la comunidad angloparlante es como si saquease los talentos dirigentes de las culturas autónomas y agrandase la fisura entre los que poseen y los que no poseen.

## Alternativa a la homogenización

El Esperanto constituye una cultura alternativa, que tiene ciertas ventajas significativas. Primero, no depende de factores económicos en tanto grado como el inglés. Contra la homogenización, que es como el acompañante natural de la mundialización, es capaz de salvaguardar la diversidad de las culturas. En vez de aceptar protestando la dominación del idioma inglés, merecería la pena que las culturas no angloparlantes encuentren un remedio común -o sea el Esperanto- para dar voz a sus culturas y para presentar una alternativa al la lengua inglesa, una alternativa a la cual, en apropiadas circunstancias, sería difíl moralmente resistir incluso para los angloparlantes. En el mundo actualmente mueren idiomas con gran rapidez; a menudo mueren con ellos también culturas. En algún sentido la pérdida de idiomas es paralela a la pérdida de especies biológicas: el resultado es un mundo menos preparado para afrontar el futuro desconocido, ya que es menos rico en alternativas. Por tanto merece la pena encontrar métodos para conservar y proteger nuestra diversidad.

Una cultura de paz no requiere que todos nosotros pensemos lo mismo, sino que todos nosotros respetemos nuestras diferencias. En gran medida tenemos éxito en hacer evolucionar nuestras relaciones en la familia o en nuestras propias comunidades con comprensión y sin violencia. El desafío que tenemos ante nosotros es hacer lo mismo a nivel mundial.

La creación de una cultura de paz requiere aceptar la diversidad, la diferencia, sin la tentación de despreciar simplemente esas diferencias. Como creyentes en el valor de una lengua común, ni en muchos casos usamos esa lengua como puente para superar las divergencias y para comprenderlas. Sin diferencias, o sea en un mundo unificado, podría no ser necesario ese puente pero entonces faltarían también los ríos en los que fluye la potencia de la diversidad cultural, y por los cuales se nutren las flores y los árboles de esas culturas.

La segunda ventaja del Esperanto es que posibilita un conocimiento mucho más profundo de otros hombres por el mismo gasto de energía y de tiempo (los beneficios espirituales del uso del Esperanto son muy altos). Se puede conseguir mucho por medio del Esperanto sin una gran inversión. Merece la pena añadir que el Esperanto es un descubrimiento genial, que tiene más elementos comunes

grandaj literaturaj verkoj aŭ al aliaj artaj ĉefverkoj ol al simpla praktika metodo de interkomunikado. Eble venis la tempo defendi Esperanton antaŭ la mondo ne per tio ke ĝi estas lingvo utila al la homo, sed ke ĝi estas poemo kiu ŝanĝas la mondkoncepton. Oni ofte diras ke Zamenhof estis poeto, sed oni ne konsekvence aplikas tiun ideon.

## Nia menslarĝiga tasko

Sed ekzistas, potenciale, tria signifa avantaĝo: Esperanto ne estas nepre ligita al tiu elita kulturo al kiu mi pli frue aludis. Ni povas per Esperanto konsciigi la mondon pri aliaj homtavoloj, pri aliaj aliroj al mondaj problemoj. La malfortiĝo de la ŝtato kondukis nian movadon al certa krizo pri direkto. Dum ni povis kolektive labori por sukcesigi Esperanton ĉe UN, aŭ persvadi la instancojn enkonduki Esperanton en tiun aŭ alian medion, ni sciis kien iri. Hodiaŭ, tamen, la malnovaj metodoj kaj pensmanieroj ne plu estas adekvataj. Tiun mesaĝon laŭte kaj insiste liveradas homoj tiel malsimilaj kiel Mark Fettes kaj Giorgio Silfer, ĉiu laŭ sia maniero. La homoj kiuj insistas ke Esperanto estas kulturo, socio, komunumo, miaopinie pravas. Sed tio ne konduku al la kredo ke ni ekzistas por ekzisti, ke nia ĉefa zorgo estu uzi niajn rimedojn por ĝui tiujn rimedojn kaj pligrandigi ilin. Konduti tiel estas konduti kiel ŝtato en la unua duono de la 20a jarcento. Nia tasko estu larĝigi la mensojn de la homoj, ŝangi la manieron laŭ kiu ili rigardas siajn homajn samspecianojn kaj krei, surbaze de la poezia forteco de Zamenhof kaj lia lingvo, inkluzivan aliron al la problemoj de nia epoko, en kiu neniu homo estu forgesata, neniu homo estu sen espero. Tio estas kulturo de paco.

Mallonge, do: Kia paco? Pli ol simple manko de milito. Kia kulturo? Pli ol simple aro da komunaj interesoj. Kia lingvo? Pli ol simpla limigita komunikrimedo.

Sed pliaj demandoj leviĝas el tiuj tri:

- Ĉu Esperanto estas aŭtentike alia ol aliaj lingvoj? Ĉu ĝi vere povas roli kiel lingvo de la paco?
- Se jes, ĉu ni devas ŝanĝi la metodojn kiujn ni uzas por utiligi kaj disvastigi Esperanton?
- Kiujn konkretajn paŝojn ni povas fari por plifortigi la rolon de Esperanto kiel lingvo de la paco?
- Kiun rolon ni povas ludi kiel privataj civitanoj en la lukto por pli justa mondo kaj la kreo de kulturo de paco?
- Kiel mastrumi mondon de multaj kulturoj kaj multaj lingvoj?

a la grandes obras literarias o a otras obras artísticas que el simple método práctico de intercomunicación. Quizá llegó el momento de defender el Esperanto ante el mundo no por que sea una lengua útil para el hombre, sino por que es un poema que la concepción del mundo. A menudo se dice que Zamenhof era poeao, pero no se aplica consecuentemente esa idea.

## Nuestra tarea de ampliación mental

Pero existe, potencialmente, una tercera ventaja significativa: El Esperanto no está indefectiblemente ligado a esa élite cultural que antes aludí. Podemos por medio del Esperanto concienciar al mundo sobre otros estratos humanos, sobre otras enfoques de los problemas mundiales. El debilitamiento del Estado kondujo nuestro movimiento a cierta crisis de dirección a seguir. Mientras pudimos trabajar colectivamente para por el éxito del Esperanton en la ONU, o persuadir a los poderes para introducir el Esperanto en tal o cual medio, sabíamos a dónde ir. Hoy, sin embargo, los viejos métodos y maneras de pensar ya no son adecuados. Clara e insistentemente emiten ese mensaje hombres tan diferentes como Mark Fettes y Giorgio Silfer, cada uno a su manera. Los hombres que insisten que el Esperanto es una cultura, una sociedad, una comunidad, en mi opinión tienen razón. Pero esto no conduzca a la creencia de que existimos por existir, que nuestra principal preocupación es usar nuestros recursos para gozar de ellos y aumentarlos. Obrar así sería obrar como un Estado en la primera mitad del siglo XX. Nuestra tarea sea amplificar las mentes de las personas, cambiar la manera en la que ellas miran a sus congéneres humanos y crear, sobre la base de la fuerza poética de Zamenhof y su lengua, un enfoque adicional a los problemas de nuestra época, en la que ningún hombre sea olvidado, ningún hombre quede sin esperanza. Eso es una cultura de paz.

Resumidamente, pues: ¿Qué paz? Más que una una simple ausencia de guerra. ¿Qué cultura? Más que un simple conjunto de intereses comunes. ¿Qué lengua? Más que un simple recurso de comunicación limitado.

Pero otras preguntas resultan de esas tres:

- ¿Es el Esperanto algo auténticamente diferente de otras lenguas? ¿Puede él verdaderamente funcionar como lengua de paz?
- En caso afirmativo, ¿debemos cambiar los métodos que usamos para utilizar y difundir el Esperanto?
- ¿Qué pasos concretos debemos dar para fortalecer el papel del Esperanto como lengua de la paz?
- ¿Qué papel podemos jugar como ciudadanos privados en la lucha por un mundo más justo y la creación de una cultura de paz?
- ¿Cómo gestionar un mundo de muchas culturas y muchas lenguas?

# KONGRESA REZOLUCIO




# RESOLUCIÓN CONGRESUAL

La 85-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Tel-Avivo, Israelo, de la 25-a de julio ĝis la 1-a de augusto de la jaro 2000-a, kun 1212 partoprenantoj el 61 landoj,

## deklaras ke:

- en tiu ĉi Internacia Jaro de Kulturo de Paco necesas refortigi la tutmondajn klopodojn trovi komunajn kulturajn valorojn kaj interkonsentojn cele al konstruo de tutmonda Kulturo de Paco; - tio ĉi okazos nur se en la mensoj de la homoj ni komune kreos tiun kulturon, ĉar daŭra paco estas konstruata nur en la mensoj de homoj;
- en tiu ĉi mondoparto, la Meza Oriento, kie kunvenas malsamaj kulturoj, kaj kie riĉa historio samtempe unuigas kaj dividas homojn, apartaj streboj estas bezonataj kaj jam farataj en serĉado de paco;
- kondiĉo por paco estas la respekto de ĉiuj homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj inkluzive de la lingvaj rajtoj de ĉiuj konfliktantaj grupoj;
- la internacia lingvo Esperanto estas kreita ĝuste por ebligi kulturon de paco inter malsamaj gentoj kaj pro sia neŭtraleco kaj pro sia rekono de la digno kaj samvaloro de ĉiuj hom-grupoj ĝi donas grundon, sur kiu valoroj de paco povas flori;

## alvokas

ĉiujn internaciajn organizaĵojn, ĉiujn registarojn kaj ĉiujn homojn - ke ili decide ek-respektu la lingvajn homajn rajtojn cele al lingva kaj kultura demokratio en la mondo kaj subtenu la klopodojn de la Esperanto-movado en tiu kampo;

## deklaras la pretecon de la Esperanto-movado:

- plulabori por kulturo de paco en la mondo surbaze de reciproka respekto kaj egalvaloro de ĉiuj gentoj kaj hom-grupoj grandaj kaj malgrandaj;
- agi ĉie, kie paco estas minacata, apoge al la ceteraj klopodoj de la internacia komunumo;

## esprimas

- sian admiron kaj subtenon al la klopodoj de la homoj de ĉi tiu regiono, kiuj laboras por krei la eblecon de kulturo de paco, kiu estas antaŭkondiĉo por alveni al situacio de paca kunvivado kaj de respekto ambaŭflanka de la homaj rajtoj kaj de la fundamentaj liberecoj por ĉiuj.

El 85° Congreso Universal de Esperanto, reunido en Tel-Aviv, Israel, desde el 25 de julio al 1 de agosto del año 2000, con 1212 participantes de 61 países,

## declara que:

- en este Año Intemacional de la Cultura de Paz es necesario fortalecer los intentos mundiales para encontrar valores culturales comunes y acuerdon con el objetivo de construir una Cultura mundial de Pazo; - esto tendrá lugar sólo si en las mentes de los hombres creamos en común esa cultura, ya que una paz duradera se construye sólo en las mentes de los hombresj;
- en esta parte del mundo, el Oriente Medio, donde se juntan distintas culturasj, y donde una rica historia a la vez une y divide a los hombres, son necesarios y realizados esfuerzos especiales en búsqueda de la paz;
- condición para la paz es el respeto de todos los derechos humanos y libertades fundamentales incluyendo los derechos lingüísticos de todos los grupos en conflicto;
- la lengua internacional Esperanto fue creada precisamente para posibilitar una cultura de paz entre distintas gentes y por su neutralidad y su reconocimiento de la dignidad e igual valía de todos los grupos humanos proporciona un terreno, sobre el cual los valores de la paz pueden florecer;

## llama

a todas las organizaciones internacionales, a todos los gobiernos y a todos los hombres - que decidan respetar los derechos humanos lingüísticos para la democracia lingüística y cultural en el mundo y sostengan los intentos del movimiento del Esperanto en ese campo;

## deklara la disposición del movimiento del Esperanto:

- a seguir trabajando por una cultura de paz en el mundo sobre la base de un respeto recíproco e igual valía de todas las gentes y grupos humanos grandes y pequeños;
- a actuar en todas partes, donde la paz esté amenazada, apoyando los demás intentos de la comunidad internacional;

## expresa

- su admiración y apoyo a los esfuerzos de los hombres de esta región, que trabajan para crear la posibilidad de una cultura de pazo, que es una precondición para llegar a una situación de convivencia pacífica y de respeto por ambas partes de los derechos humanos y de las libertades fundamentales para todos.




## Pasteĉo el framboj

### Ingrediencoj:

20 biskvitoj rostitaj muelitaj
125 gramoj da butero
1 litro da kremo
24 gramoj da ROYAL-gisto
1 glaso da lakto
1 glaso da sukero

### Preparado:

- Fandi la buteron kaj kovri per ĝi la pulvorigitajn biskvitojn.
- Dissolvi la sukeron en la lakton kaj varmigi ĝin; kiam ĝi ekbolas aldoni la kremon kaj la giston.
- Post la boliĝo, retiri la miksaĵon el la varmigilo kaj verŝi ĝin en la ujon en kies fundo troviĝas la biskvita maso.
- Enmeti la ujon en fridujon. Kiam la pasteĉo malvarmiĝis, oni devas eligi ĝin el la ujo kaj kovri ĝin per pasto el framboj.

## Pastel de frambuesa

### Ingredientes:

20 galletas tostadas molidas
125 gramos de mantequilla
1 litro de nata
2 sobres de cuajada Royal
1 vaso de leche
1 vaso de azúcar

### Preparación:

- Derretir la mantequilla y cubrir las galletas.
- Poner la leche al fuego con el azúcar, y cuando empiece a hervir echar la nata y la cuajada revueltas.
- Cuando haya hervido, se retira del fuego la mezcla y se vierte en un recipiente con el fondo cubierto de galletas.
- Meter en la nevera. Cuando esté fría desmoldar y cubrir con un capa de frambuesa.

# Aktivado de nia E-Grupo




Konsiderante ke la antaŭa numero de nia revuo estis eldonita fine de la pasinta jaro 1999, kaj ke en ĝi ni raportis pri nia agado ĝis tiu dato, nun ni devas pritemi nur la ĝisnunan aktivadon ĝis ĉi tiu monato, oktobro 2000, kiam ni eldonas ĉi-numeron. Do ni ne povas raporti ankoraŭ pri la celebrado de la Zamenhofa tago de la asturaj geesperantistoj, okazonta en decembro, kiun ni estas organizante nun kaj kiu okazos en nia urbo Gijón, tial ke pasintjare okazis en Avilés. Kiel sciate ambaŭ asturaj Esperanto-grupoj alterniĝas en la celebrado de tiu esperantista festo.
Do, dum la dekmonata periodo, kiun ni pritemas, **Astura E-Asocio** daŭre plenumis siajn rolojn de servado al la **Esperantista Movado** inter kies plej ĉefaj taskoj troviĝas la diskonigo kaj disvastigo de la internacia lingvo Esperanto.
Inter tiuj taskoj troviĝas la ricevado kaj lingva helpo al la esperantistaj gevizitantoj en nia urbo. Ĉi-jare ni ricevis kelkajn el tiuj vizitoj de fremdaj esperantist(in)oj. La fotografaĵo sur tiu paĝo apartenas al la vizito kiun faris al ni la franca esperantistino Ĵaska Cousteau pasinta somero.



Serve de tiu celo de diskonigo de Esperanto estas la eldonado de ĉi-revuo mem, sed ĉefe estas la organizado de kursoj de Esperanto. Tiu baza kurso, kiu komenciĝis antaŭ unu jaro, daŭris ĝis la enveno de la ĉi-jara somero. En la komenciĝanta lerno kurso 2000-2001, ni organizis du kursojn, nun komenciĝantaj, unu baza kurso por komencantoj kaj alia, perfektiga kurso, por tiuj gelernantoj kiuj jam konas la lingvon kaj deziras pliprofundigi en ties lernado. Kiel ni jam komentis en antaŭaj okazoj pritemante ĉi tiun aferon de la kursoj, malfeliĉe, en nia epoko nur tre malmultaj personoj interesiĝas pri nia afero kaj la lingva solvo kiun konstituas Esperanto por alfronti la problemon de la multlingveco de nia mondo. Oni povas diri ke en la nuntempa socio ĉio konspiras kontraŭ la progreso de nia esperantista afero kaj ties interna ideo. Sed, kion fari? Ni daŭre devas peni kaj labori favore al tiu idealo kaj serĉi senĉese solvojn al tiu problemaro. Ofte la pres-

# Actividad de nuestro Grupo de Esperanto

Considerando que el número anterior de nuestra revista fue editado a finales del pasado año 1999, y que en él ya informamos acerca de nuestra actividad hasta esa fecha, ahora debemos tratar sólo lo que se refiere al período transcurrido desde entonces hasta mes, octubre del 2000, cuando editamos este número. Por lo tanto no pedemos informar todavía sobre la celebración del día de Zamenhof de los esperantistas asturianos, que tendrá lugar en diciembre, que estamos organizando ahora y que será en nuestra ciudad de Gijón, ya que el año pasado tuvo lugar en Avilés. Como ya informamos, ambos Grupos de Esperanto asturianos se alternan en la organización de la celebración de esa fiesta esperantista.
Pues bien, durante el período de diez meses, al que nos referimos, la **Asociación Asturiana de Esperanto** siguió desarrollando sus funciones de servicio al Movimiento Esperantista, entre cuyas principales tareas se encuentra la información y difusión de la lengua internacional Esperanto.
Entre esas tareas se encuentra la recepción y apoyo lingüístico a los esperantistas que visiten nuestra ciudad. Este año recibimos algunas de esas visitas de esperantistas extranjeros/as. La fotografía que aparece en esta página pertenece a la visita que nos hizo la esperantista francesa Yasca Cousteau el pasado verano.
Al servicio de ese objetivo de la difusión del Esperanto está la edición de esta revista misma, pero principalmente está la organización de cursos de Esperanto. Aquel curso básico, que había comenzado hace un año, duró hasta el principio del verano del año actual. En el curso escolar 2000-2001 que comienza, organizamos dos cursos de Esperanto, uno básico para principiantes y otro, de perfeccionamiento, para quienes ya conocen la lengua y desean profundizar en su estudio. Como ya comentamos en ocasiones anteriores al tratar de este asunto de los cursos, por desgracia, en nuestra época sólo muy pocas personas se interesan por nuestro asunto y por la solución lingüística que constituye el Esperanto para afrontar el problema del multilingüismo de nuestro mundo. Se puede decir que en la sociedad actual todo conspira contra el progreso de nuestro tema esperantista y su idea interna. Pero, ¿qué se le va a hacer? Debemos proseguir en nuestro esfuerzo y nuestro trabajo favore en favor de ese ideal y no cesar de buscar soluciones a ese problema. A menudo los medios de difusión, incluso sin pretender-

aro, eĉ ne-intence, ege domaĝas nian poresperantan strebadon. En ĉi tiu numero de la revuo ni aparte komentas ian konkretan presaran fuŝaĵon pri Esperanto kaj transskribas la tekston kiun ni sendis al la responduloj de tiu publikigaĵo intencante klarigi la erarojn kiujn oni verŝis en tiun "informo"-n.

Alia el niaj ĉefaj aktivaĵoj estas nia partopreno en la tiel nomata "Festo de la Lingvoj", okazanta en nia urbo ekde la pasinta jaro.

Ĉi-jare tiu 2a Festo de la Lingvoj okazis dum la tagoj 14a al 17a de marto. Same ol la pasinta jaro, **Astura Esperanto Asocio** partoprenis en tiu aranĝo kies celoj estas:

- Montri la riĉecon de la homa diverseco kaj diferencoj.
- Disvolvigi la civitanan kapablon je akceptemo kaj interkomunikado.
- Havigi al la lingvo-lernantoj eblecon praktiki ĝin kadre de dinamika kaj stimulanta reala interkomunikado.

Nia partopreno alportis al la publiko mesaĝon kiu povas esti resumita tiele:

*En mondo kun granda lingvo-diverseco, kie fiaskis ĉiuj intencoj adopti nacian lingvon por la internaciaj interŝanĝoj, kaj kie pli kaj pli da personoj vojaĝas for de siaj landoj kaj bezonas komunan lingvon por interkomunikado, ESPERANTO, logika lingvo, facila kaj neŭtrala, konstituas la definitivan solvon al la tutmonda lingva problemo; ĝi estas la lingvo kiun ĉiu moderna homo devas koni, kune kun la gepatra, por reciproka interkomprenado fremdlande en egaleca interrilato.*

En nia stando de tiu festo ni disdonis, dum la kvar tagoj de ĝia daŭro, materialon propagandante pri la lingva solvo kiun konstituas ESPERANTO. En la sekva paĝo ni montras iun el la propagandiloj de nia stando de Esperanto; temas pri bilda aranĝo ellaborita surbaze de materialo el la lerno-libro de José Arroyo kaj desegnitaj pejzaĝoj konataj de nia urbo. Kaj ĉi-paĝe estas fotaĵo de nia stando plene funkcianta dum la disvolviĝado de la festo.

Estis ankaŭ prelego de doktorino María José Álvarez Faedo pri la temo «Neceso de internacia lingvo tra la




lo, perjudican bastante nuestra labor. En este numero de la revista comentamos aparte un caso concreto de metedura de pata de cierta prensa y transcribimos el texsto que enviamos al los responsables de esa publicación intentando clarificar los errores que se vertieron en esa "información".

Otra de nuestras principales actividades es nuestra participación en la denominada "Fiesta de las Lenguas", que se organiza en nuestra ciudad desde el año pasado.

Este año esa 2ª Fiesta de las Lenguas tuvo lugar durante los días 14 al 17 de marzo. A igual que el año pasado, la **Asociación Asturiana de Esperanto** participó en ese foro cuyos objetivos son:

- Mostrar la riqueza de la diversidad y las diferencias humanas.
- Desarrollar la capacidad ciudadana de aceptación e interckomunicación.
- Proporcionar a los estudiantes de idiomas la posibilidad de practicarlas en el marco de una intercomunicación real dinámica y estimulante.

Nuestra participación aportós al público un mensaje que puede ser resumido así:

*En un mundo con una gran diversidad lingüística, donde fracasaron todos los intentos de adoptar una lengua nacional para los intercambios internacionales, y donde cada vez más personas viajan fuera de sus países y necesitan una lengua común para la intercomunicación, el ESPERANTO, una lengua lógica, fácil y neutral, constituye la solución definitiva al problema lingüístico mundial; es el idioma que todo hombre moderno debe conocer, junto con la lengua materna, para la recíproca intercomprensión en el extranjero en una relación igualitaria.*




En nuestro stand de esa fiesta distribuimos, durante los cuatro días de su duración, material de propaganda sobre la solución lingüística que constituye el ESPERANTO. En la página siguiente mostramos una de las hojas de propaganda de nuestro stand de Esperanto; se trata de una historieta gráfica elaborada a partir de materialo del libro de José Arroyo y dibujos de paisajes conocidos de nuestra ciudad. Y en esta página hay una foto de nuestro stand en pleno funcionamiento durante el desarrollo de las sesiones de la Fiesta.

Tuvo lugar también una conferencia de la doctora María José Álvarez Faedo sobre el tema «Necesidad de una lengua internacional lingvo a través de la historia». Los lectotes de nuestra




Yo soy Juan




Hablo Esperanto




Resido en Gijón, junto al muelle local






Gijón es una bella ciudad turística




Por medio del Esperanto me relaciono con mis amigos extranjeros




René y su hermana Ivette son esperantistas franceses






Les gusta mucho visitar mi país, y a mí el suyo.




Actualmente las relaciones internacionales son cada vez más necesarias, y el Esperanto es de utilidad para la comunicación.

historio». La legantoj de nia revuo jam konas tiun prelegon ĉar ties teksto estis publikita en la antaŭa numero de *Heleco*.
Krome, apartaj grupoj da gestudentoj kaj gelernantoj vizitantaj nian standon, ricevis iaspecan unuan lecionon pri la esperantaj kulturo kaj lingvo. En tiuj "kursetoj" ni insistis pri la du ĉefaj ecoj de ESPERANTO: la neŭtraleco kaj la facileco.
Nia E-Grupo taksas tre utila la partoprenon en tiutipaj lingvaj festoj por diskonigi nian temon. La sperto akirata en tiuj sesioj permesos al ni perfektigi niajn propagand-metodonj por estontjaraj okazaĵoj de tiu festo aŭ similaj aranĝoj.
Alitipa agado, ankaŭ cele de la propagando kaj diskonigo de nia afero, estas tiu rilate al la informmedioj. Per la antaŭa numeo de la revuo ni informis ke Radio-SELE foje intervjuas estraranojn de nia Asocio pri ĉio rilate al la Internacia Lingvo. Menciinde estas ke tiu Radio-stacio dissendis kursenton en Esperanto. La lasta el tiuj intervjuoj okazis en la vintro de tiu ĉi jaro, kaj el nia E-grupo partoprenis en ĝi Julio Argüelles kaj Faustino Castaño.
Kaj en aŭgusto okazis alia publika intervidiĝo, sed ĉikaze estis la Gijona Televido, en la programo «Rekte el Gijón». En la ejo de tiu televido oni faris longan intervjuon al du el la membroj de la estraro de nia E-Asocio: la Prezidanto Santiago Mulas, kaj Faustino Castaño. La programo estis dissendita tiu vespero mem kaj tagmeze de la sekvinta tago. Ni profitas tiujn okazojn por diskonigi nian mesaĝon ke ekzistas lingva solvo -nome Esperanto- kiu respektas la kulturajn specifaĵojn de ĉiu popolo kaj kiu estas ponto por la interrilatoj inter la homoj de la diversaj popoloj kaj kulturoj.
Fine de nia raporto, kaj kiam ni dediĉiĝas, kiel dirite, al la organizado de la esperantista festo, la Zamenhofa tago kaj tago de la libro en Esperanto de la nuna jaro, ni rememoras ke kadre de tiu celebrado en la pasinta jaro forpasis nia samideano kaj amiko Nicolás Muñiz, Prezidanto de la Esperantista Grupo «Antaŭen» de Avilés. En tiu ĉi okazo, kaj kiam baldaŭ estos la postjara dato de tiu trista evento ni volas omaĝe memori lin kaj esprimi nian deziron ke la E-Grupo de Avilés, kiun li fondis kaj gvidis dum kelkaj jaroj, sukcesu daŭrigi lian laboradon kaj lian celon favore al nia esperantista idealo.


*D-rino Maria José Alvarez Faedo prelegas pri la neceso je internacia lingvo tra la historio*

revista ya conocen esa conferencia pues su texto fue publicado en la número anterior de *Heleco*.
Además, diversos grupos de estudiantes y escolares que visitaban nuestro stand, recibían una especie de primera lección sobre la lengua y la cultura esperantista. En esos "cursillos" insistíamos acerca de las dos principales cualidades del ESPERANTO: la neutralidad y la facilidad de aprendizaje.
Nuestro Grupo de Esperanto valora como muy útil la participación en ese tipo de ferias lingüísticas para dar a conocer nuestro objetivo. La experiencia que adquirimos en esas sesiones nos permitirán perfeccionar nuestros métodos de propaganda para las sucesivas versiones de esa fiesta o de experimentos similares.
Otro tipo de actuación, también con el objetivo de la propaganda y difusión de nuestro asunto, es el que se refiere a los medios de difusión. En el número anterior de nuestra revista informábamos que Radio-SELE a veces hacía entrevistas a dirigentes de nuestra Asociación sobre todo lo referente a la Lengua Internacional. Es digno de mención el hecho de que esa Radio-estación emitió un cursillo en Esperanto. La última de esas entrevistas tuvo lugar en el pasado invierno, y de nuestro grupo de Esperanto participaron Julio Argüelles y Faustino Castaño.
Y en el mes de agosto tuvo lugar otra entrevista pública, pero esta vez se trató de «Tele-Gijón», en el programo «Gijón en directo». En las instalaciones de esa emisora televisiva se hizo una larga entrevista a dos de los miembros de la dirección de de nuestra Asociación esperantista: el Presidente Santiago Mulas, y Faustino Castaño. La programa fue emitido aquella tarde mismo y al medio día del día siguiente.
Aprovechamos esas ocasiones para difundir nuestro mensaje de que existe una solución lingüística -el Esperanto- que respeta las especificidades culturales de todos los pueblos y que es un puente para las relaciones entre los hombres de los diversos pueblos y culturas.
Al final de este informe, y cuando nos estamos dedicando, como dijimos, a la organización de la fiesta esperantista, el día de Zamenhof y del libro en Esperanto del año actual, recordamos que en el marco de esa celebración el año pasado falleció nuestro compañero y amigo Nicolás Muñiz, Presidente del Grupo Esperantista «Antaŭen» de Avilés. En esta ocasión, y cuando pronto será el aniversario de ese triste suceso, queremos honrarle recordándole y expresando nuestro deseo de que el Grupo de Esperanto Avilés, que él fundó y dirigió durante varios años, consiga continuar su labor y su objetivo en favor de nuestro ideal esperantista.


*Nicolás Muñiz*

